# LITERATURA MONDO

Ĉefredaktoro: K. Kalocsay

Literatura, arta ilustrita revuo

Dua periodo — Tria jaro

Senpaga kvaronjara aldono:

**Bibliografia Gazeto**

En duona formato 16—20 paĝa




**Majo 1933**

**5-a numero**

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9· , duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**ĈEFKUNLABORANTOJ:** J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), N H vorka (Wien), R. Hromada (Praha), B Johnsson (Liverpool), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava). A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E C Stillmann (U S A), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# Kun Raymond Schwartz mi trinkis aperitivon



»Nun, kara poeto, vi ne forkuros min!« mi parolis kaj direktis esperplene miajn okulojn kontraŭ la serene ridetantan vizaĝon. Tuj mi atakis kuraĝe per la unuaj demandoj laŭ la rutino de longjara intervjuisto, sed la poeto per energia eksvingo de sia pipo fortranĉis mian frazon:

»Ĉu vi estas kremkafulo aŭ normala homo?« li ekzamenis.

»Mi kredas, ke mi havas ecojn de normalulo,« mi respondis mirfrapite kaj humile klinis mian kapon, »escepte ke mi estas Esperantisto.«

La poeto vokis la kelneron kaj intertraktis kun li pri nova kombinaĵo de aperitivoj por la fremda gasto. Francaj vortoj, kulinaraj fakesprimoj flugis tien kaj reen kaj el ĉio rezultis malhela bruna fluidaĵo, kiun la kelnero fiere metis antaŭ min.

»Je via sano, samideano!« diris la poeto kaj levis la glason. »Mia preferata aperitivo estas ja la aniza, bonvolu noti tion malantaŭ viajn ĵurnalistajn orelojn. Cetere kiel gustas al vi?«

»Tiu ĉi gustas kiel medicino,« mi respondis kun acida mieno. »Kiam mi estis infano, mi devis gluti tian trinkaĵon kaj se mi ne volis, minacis batoj de flava bastono.«

La poeto direktis siajn grandajn okulvitrojn kontraŭ min kaj ridetis saĝe: »Ĝi estas la medicino de l' vivo kaj la fonto, el kiu mi ĉerpas la plej bonajn ideojn...«

La poeto bruligis sian pipon. Estis posttagmezo. La suno pikis en niajn kapojn. La homoj ŝvitis kaj soifis. Antaŭ ni bruis kaj ruliĝis la trafiko de Pariza bulvardo. Ni komencis paroli pri la bela kaj interesa urbo de l' ĝojo... kaj ni rememoris la Parizan Kongreson...

Ĝi estis la unua internacia Esperanto-kongreso, kiun li ĉeestis. Mi ne povis kaŝi mian miregon. De kie li konas tiel »ĝisoste« niajn verdulojn, kiujn li sprite kaj trafe priskribas en sennombraj poemoj? Ĉu eble pere de sia »sekreta sekretario« Grenkamp? Ĉu per korespondado? Ĉu per sia iama fama »Verda Kato«, en kiu regis tiu verda atmosfero, tiu verda humoro, kies genia poeto-interpretisto li estas?...

»Oj — la karaj samideanoj,« mi diris, »interesa popoleto, ĉu? Oni preskaŭ povus paroli pri »verdaj moroj kaj kutimoj« kaj verki sciencan libron pri ili.«

»Ĉu ni povas antaŭvidi, kio okazos —«

» — eble — « mi daŭrigis kun malica palpebrumo, »post jardekoj aŭ jarcentoj studentoj verkos doktorajn disertaciojn pri la »verda« kulturo kaj kiel historiajn fontojn citos viajn tempospegulajn verkojn.«

La poeto enpense ekfumis je sia pipo kaj diris nenion.

»Kian profesion vi havas?« mi demandis scivole.

»Mi estas en mia privata vivo bankisto, se vi permesas,« li respondis, »agrabla okupo, ĉar ĉiutage tra miaj fingroj glitas sennombraj monbiletoj. La penso, ke ili ne apartenas al mi, kaŭzas al mi ĉiutage bonan humoron.«



»Enviinda homo —« mi murmuris.

»Prefere eltrinku!« li admonis, »ne estas bone, se la aperitivo trovarmiĝas en la suno...«

Mi levis la glason, ĵetis scivolan rigardon al bela Pariza fraŭlino, kiu rendevuis kun kavaliro ĉe apuda tablo.

»Vi estas fraŭlo, ĉu ne?« mi demandis.

»Ne, vi eraras,« li respondis.

»Ĉu mi rajtas citi tion en publika revuo?« mi demandis tre singarde.

»Vi rajtas,« li respondis.

Jes, efektive li estas edzo. Kaj lia edzino ne nur estas ĉarma sed ankaŭ parolas Esperanton kaj estas moderna homo komprenanta la aŭdacan sonon de la liro de l' poeto, kiu ofte sarkasme ridas

pri la virino, fraŭlino, virgulino. La amo kun ĉiuj ĝiaj nuancoj frivolaj kaj petolaj ja ludas la ĉefan rolon en ĉiuj liaj poemoj kaj prozaĵoj. Li havas unu bonegan econ — li estas tre kuraĝa kaj libera en siaj pensoj, sed neniam li transpaŝas la limojn de la bona gusto.

La poeto per eksvingo de sia pipo vokis la kelneron. La suno pli terure pikis. La homoj ĉirkaŭ ni ekĝemis kaj viŝis la ŝviton de la fruntoj. Sed ili ne ĉesis babili kun la kutima pariza vigleco. Mi rapide notis kelkajn vortojn sur la paperon kaj klopodis elbuŝigi novan stultan demandon. Mi sentis, ke en mia kapo ekbolis la »medikamento.«

»Ĉu vi jam komencas ŝvebi?« demandis la poeto kun rideto kaj scivole kaj samtempe triumfe rigardis min.

En miaj oreloj obtuze bruis la aŭtobusoj, kiuj ruliĝis antaŭ ni sur la bulvardo. La kelnero metis antaŭ min bonodorantan novan trinkaĵon. Ĝi estis la aniza...

»Kial vi turmentas min daŭre per via intervjuo,« li ekridis kaj levis la glason, »ke mi naskiĝis, vi scias, kaj ke mi estas malamiko de la kremkafuloj, vi ankaŭ scias, kaj ke mi havas »pasporton tra la libera lando Esperantujo«, vi ankaŭ scias — do kion vi volas ankoraŭ skribi pri mi? Ke mi speciale ŝatas manĝi rizon kun haringoj, ke mi fumas sekigitajn rozpetalojn, ke mi speciale ŝatas bonodoron de freŝfuma sterko kaj ke mi nokte laboras por »ido« kaj tage por Esperanto, he?«

Mi konsentis ke li estas prava kaj gaje levis mian glason. »Pasporton tra Esperantujo mi ankaŭ posedas,« mi diris fiere, »interesa homo la eltrovinto de tiuj pasportoj, la esperantista kelnero Ferrari. Ankaŭ inda heroo por nova poemo, ĉu?«

»Ĉiuj Parizanoj ŝatas lin,« klarigis la poeto, »li estas unika »verdulo«. Super lia lito pendas granda bildo de Zamenhof kaj ĉiumatene li parolas kun la Majstro kaj demandas lin pri la programo de la tago. Neniu tago devas forpasi, en kiu li ne varbus novan adepton por la sankta afero.«

»Tre interesa sinjoro, kiu per sia »pasporto« trafis la guston de nia popolo. Sed ankoraŭ pli interesan »verdulon« mi renkontis dum la Pariza kongreso. Li estas ankaŭ taŭga inda reprezentanto, moderna Diogeno. Holanda samideano, kiu ŝovas antaŭ si dometon sur du radoj kaj tiel tramigras tutan Eŭropon. Mi opinias la ideon genia. Se pluvas, vesperiĝas aŭ se li laciĝas, li simple ekhaltas, eniras sian domon, kuiras, manĝas, dormas. Same li loĝis antaŭ la kongresejo ne ĝenante la loĝejan komitaton de LKK.«

»O, mi konas ankoraŭ pli interesan Diogenon,« diras la poeto, »samideano Archdeacon loĝas sur sia luksa jaĥto, nomata »Esperanto«. Vintre ĝi kuŝas en Saint Cloud, sed somere li naĝas sur ĉiuj maroj.«

»Feliĉa homo —« mi aldonas, »kaj jen ekzistas homoj, kiuj asertas ke nur malriĉuloj kaj malgravaj homoj okupas sin pri Esperanto. Ni estu fieraj ke inter ni ankaŭ estas riĉaj homoj. Ĉu ne povus foje okazi, ke unu el tiuj riĉuloj en sia testamento denove por la movado fiksos iom da kapitalo? Aŭ pli — ke iu el ili havus la bonegan ideon doni stipendiojn por malriĉaj Esperanto-verkistoj aŭ fiksus ĉiujaran verdan Nobelpremion por nia literaturo? Iom da mono al ni ambaŭ ne povus malutili, ĉu ne?«

»Vi pentras mirindajn perspektivojn,« diris la poeto kun kontenta rideto kaj etendis la manon denove al la vivo-medikamento. Ŝajne li ne multe fidis la riĉulojn en nia movado, li konsolis sin per forta trinkgluto el sia glaso.

Mi rapide volis ekscii ankoraŭ ion interesan, ion sensacian el la buŝo de l' poeto, antaŭ ol ekŝvebi en la landon de l' dolĉa forgeso. Fulmotondro! Kia obstina ne-intervjuebla poeto!

»Kion vi nun verkas aŭ preparas?« mi demandis.

»Malfacile respondi —« li diris purigante kaj frapante sian pipon. »Mi intencis unue verki grandan romanon pri la »verda malsano« kaj pri mia groteska batalo kun mia bopatrino, kiu estas kontraŭ Esperanto. Sed nun mi forĵetis la projekton laŭ konsilo de la Esperanto-kelnero Ferrari, kiu opinias la esperantistaron ankoraŭ ne matura por tia verko.«

»Domaĝe, tre domaĝe!« mi bedaŭris. »Ni ĉiuj avidas legi novajn verkojn el via plumo, kara poeto! Pentrindaj figuroj ja svarmas, temoj pendas amase en la aero. Nur eksonigu vian liron, dibenita orbuŝa poeto, ni aŭskultos kun ravo eĉ pri nia propra ridinda ekzisto. Rigardu, rigardu, niaj seĝoj komencas jam ekflugi, ekmovataj per la mirinda forto de via spirito kaj de ia nevidebla potenco!«

»Nun mi estas feliĉa!« diris la poeto kaj denove eksvingis per sia pipo al la kelnero. Post tio li turnis sin al mi: »Mi gratulas vin, mia kara, pro tio, ke vi ne havas kafkarakteron. Tiu ĉi komuna nia ideologio — ĝi vivu kaj per ĝi la verda literaturo!«

Ni levis la glasojn, kaj mi inspirite de la proksimeco de tia genia poeto ekprenis mian krajonon kaj »poemis« la unuan fojon en mia proza vivo:

Nun ŝvebas ni trans montoj
Sur aperitiv-pegazo
Aniz-parfumon en la nazo
Al verdaj horizontoj...!

Ni mokas pri la familia rondo
Kaj kraĉas je la tuta mondo!
Ekflugas ni en medicin-ekstazo —
Lasante nubon de terura gaso...!

**Jean Forge**

## Antaŭ tempesto

**— Janis Rainis —**

*Duon a griz', duonlazur'*
*el akvoj brilas al ĉielo —*
*al muta, dura ŝtalomur'*
*kun ĉie sama, teda helo.*

*Kvietas mar' ... Ĉe l' bordo nur,*
*laŭ kiu febra vento flugas,*
*vibradon kreas ĝia kur',*
*tremantajn sulkojn blovo plugas.*

*Trans akvojn glitas fora mev', —*
*ĉu plore, ĉu kun tim' — krietas;*
*jen falas mev', jen nova lev' —*
*kiel animo malkvietas.*

El la latva: N. Kurzens

# PLI BONE OL VENĜI

## Dramo en tri aktoj

— KAN KIKUĈI —

*Sceno II.*

(La interno de la tunelo. Nokto de la sama tago. La tuta scenejo estas unu solida muro el fendita roko. La tunelo finiĝas ĉe la dekstra flanko de la scenejo kaj Rjookai kaj aliaj tie laboras per marteloj. Fajro brulas malforte. La krakado de la marteloj aŭdiĝas jam antaŭ la kurten-leviĝo. Kiam la kurteno leviĝas, ĉiuj ĉesas labori.)

*Unua Ŝtonhakisto.* Kiam ni ĉiuj ĉesas kune, subite la silento trapenetras.

*Dua Ŝtonhakisto.* Nature, ĉar ni estas multajn metrojn sub la tero.

*Tria Ŝtonhakisto.* Ni ĉiuj devas resti apud sinjoro Rjookai hodiaŭ nokte, ĉar tiu militisto hodiaŭ veninta povus reveni por ataki lin ankoraŭ nekontentigite.

*Unua Ŝtonhakisto.* Ne necese. Ni sendis observanton al Hidavilaĝo por konstante observi la lokon, kie li restas.

*Dua Ŝtonhakisto.* Ha, jam devas esti la horo de apro.[1]) Miaj manoj doloras ĝis sensentiĝo.

*Rjookai* (per raŭka voĉo.) Povas esti, ŝajne hodiaŭ la varmigo ne sufiĉis, kaj la roko estas neordinare malmola. Ha, ĉiuj jam lasu la laboron, kaj revenu al la budo. Ankaŭ mi nun ripozos. Nu, ĉiuj revenu.

*Tria Ŝtonhakisto.* Do, ni ĉiuj diru ĝis-revidon. Bonvolu ankaŭ ripozi, sinjoro Rjookai. Nu, mi alportos litaĵojn por vi.

(La Tria Ŝtonhakisto forkuras kaj tuj revenas kun pajla mato kaj makulita litkovrilo. Li etendas ilin sur la planko de la tunelo.)

*Rjookai.* Ha, dankon. Dankon. Do, permesu al mi. Mi enlitiĝos la unua. (Li kuŝiĝas.)

*Unua Ŝtonhakisto.* Do, sinjoro Rjookai, ni revidos vin matene.

*Dua Ŝtonhakisto.* Pardonu min.

*Tria Ŝtonhakisto.* Pardonu min.

(La Ŝtonhakistoj malproksimiĝas. Rjookai kuŝas kvazaŭ dormante por momento, poste levas sin denove.)

*Rjookai* (kunmetante la manplatojn, recitas Sanktan Skribaĵon per mallaŭta voĉo).* Ŝin-kan ŝooĵoo-kan. Koodai ĉie-kan. Hikan kjuuĵi-kan. Ĵoo-ganĵoo ŝoogoo. Muku ŝooĵoo koo. Eniĉi ha ŝoan. Noohuku saifuuka. Humjoo ŝoo seken. Hitai kai raijin. Jii mjoo daiun. Ju kanro hoou. Meĉuĵo bonnoo-en. Decidite de sinjoro Jicunosuke, kiu venis por venĝi pro mia malnova krimo, mia vivo estas kvazaŭ torĉo en la vento. Dum mi ankoraŭ vivas, mi devas fosi plu, se eĉ futon aŭ colon. Ne estas tempo mallabori. (Alrampas al la rokmuro kaj batas pli forte ol antaŭe. Levante la voĉon.)** Ĵooĵoo kjoo kanŝo. Hui gunĵin-ĉuu. Nebi kannon-riki. Ŝuuen ŝittaisan. Mjoo-on Kanzeon. Bonnon kaiĉoo on. Ŝoohi sekennon. Zeko ŝuĵoo-nen. Nennen moŝŝoogi. Kanzeon ŝooĵoo. Okunoo ŝijaku. Nooi sakuiko. (Svingas la martelon kvazaŭ freneza. Post momento Jicunosuke ŝtele alproksimiĝas de la maldekstra flanko de la scenejo kun nuda glavo tenata ĉe la talio per la dekstra mano, kaj palpante la vojon laŭ la tero per la maldekstra, li alrampas senbrue antaŭen. Rjookai, kvazaŭ tute neniom rimarkante, daŭre recitas la Sanktan Skribaĵon. Jicunosuke sin preparas por lin ataki, hezitas. Li fine levas la glavon, sed kortuŝite de la tutkora laborado de Rjookai, ne kuraĝas lin ataki kaj reinginte la glavon, estas forironta.)

*Rjookai* (subite sin turnante). Sinjoro Jicunosuke! Kial vi min ne mortigas?

(Jicunosuke, surprizite de la neatendita alparolo de Rjookai, restas senvorta.)

*Rjookai.* Vi devas esti ĉagrenata de la hodiaŭa aranĝo. Venu, prenu mian vivon. Nun ĉi tie estas neniu por vin malhelpi. Dum neniu venas por sin intermeti, jen mortigu min.

*Jicunosuke.* Rjookai, aŭ kiel ajn vi estas nomata, nun mi kuraĝe atendos ĝis la tunelo estos preta. Pro la malkontento de militisto, kiu, kun la malamiko antaŭ si, devas atendi senfare, mi ignoris la promeson faritan kaj enrampis por vin disfendi, sed la flamo de mia kolero estingiĝis de via purkora kaj pia nobleco, kaj mi sentis honton alrampante kiel rabisto aŭ besto al vi, pia sanktulo, kaj la mano tenanta la glavon estis paralizata spite de mia koro. Mi do atendos pacience ĝis vi plenumos vian ĵuron.

*Rjookai* (sin klinante malalte kun la manoj sur la tero). Ĉu vi pruntos al mi, al la plej pekoplena bonzo, la tagojn necesajn por plenumi mian ĵuron? Akceptu miajn mil dankojn. Por ĉio ĉi, mi svingos la martelon ĝis mi pistos min en polvon kun decido trabori tute jam eĉ morgaŭ aŭ postmorgaŭ. Mi ne povas sufiĉe min senkulpigi kaŭzinte al fileca filo, kia vi, tiom da doloro. Bonvolu pardoni min. (Aliras al Jicunosuke kun mallevita kapo.)

*Jicunosuke.* Kvankam ni estas malamikoj, tio estas nia sortdestino, kaj aŭskultu, Rjookai, prefere ol atendi tie ĉi mallaboreme nur rigardante labori vin, la homojn, kvankam mi ne taŭgas tiel multe, mi prenos martelon kaj helpos vin, dehakante eĉ se nur kelkajn splitojn de ŝtono. La alproksimiĝo de la tago, kiam vi atingos vian celon, estas tiu de la tago, kiam mi atingos la mian.

*Rjookai* (kortuŝite). Vi trafis bonan ideon. Via helpo estas multe pli konfidinda ol tiu de miliono da

[1]) Noktomezo.

* Ho, vizio klara, vizio pura, ho, vizio saĝa ĝis senlimo, ho, vizio kompatema kaj favora, ni apogas nin al vi por ĉiam, ni ĉiam levas la vizaĝon al vi en adoro. Via pura kaj nemakulebla lumo, kiel suno de la saĝo, detruas ĉiun mallumaĵon, humiligas malfeliĉon, fajron kaj ventegon, kaj prilumas hele ĉiun anguleton de la mondo. Figuro via kompatema regas tondron kaj tertremon, via favorema koro estas kvazaŭ mirindega vasta nubo, de kiu falas kiel dolĉa roso via sankta pluvo, estingante la flamon de surtera pasio.

** Kiam pro malpaco kaj batalo, ni enfalas en la manojn de oficiroj, aŭ kiam sur la batalkampo ni tremetas kaj timegas, ni apogas nin sur vian potencon ho, Kannon, kaj ĉiuj niaj turmentoj aŭ forflugas aŭ disiĝas. Ho, Kanzeon, la plej mirindega sono, ho sono de mistero, ho sono de la sankta ĉio, ho sono de la oceantajdo, supera estas vi el ĉiuj sonoj de la mondo, kaj pro tio ni por ĉiam laŭdas vin. Kaj ĉar por ĉiam ni laŭdas vin, vi ne lasas dubojn ekleviĝi inter ni, ho Kanzeon, ĉar vi estas pura, kaj en doloregо, agonio, morto kaj malfeliĉego, vi estas por ni nia vera apogilo.

kunuloj. Dum mi vidas vian vizaĝon, mi ne povas haltigi mian martelon eĉ momenton.

*Jicunosuke.* Anstataŭ ĉagreni mian koron atendante mallaboreme, al mi estos pli komforte mem svingi por la bono de la mondo kaj la homo. Do, sinjoro Rjookai, ĝis la tunelo estos traborita, ni estos amikoj, sed . . .

*Rjookai.* Ha, en la momento, kiam la tunelo estos traborita, estu la truo eĉ nur unu aŭ du coloj transen, disfendu min en du pecojn. Mi sopiras la tagon, kiam via kordeziro kaj la mia estos plenumitaj.

*Jicunosuke.* Ĝis tiam estos interese por ni, malamikoj, svingi la martelojn unu apud la alia.

(Ili rigardas unu la alian kaj ridetas solece.)

*Sceno III.*

(La interno de la tunelo, kiel en Sceno II. Nokto de la deka tago de la naŭa monato en la tria jaro de An'ei, pli ol unu jaron post la okazaĵoj en Sceno II. Iom malsame ol en la antaŭa sceno, Rjookai kaj Jicunosuke sidas flankon apud flanko en la mezo de la scenejo kaj kune svingas la martelojn seninterrompe.)

*Jicunosuke.* He!

*Rjookai.* Ho!

*Jicunosuke.* He!

*Rjookai.* Ho!

*Jicunosuke* (ripozante momenton). Jam la ŝtonhakistoj foriris, ĉu ne?

*Rjookai* (same ripozante). Ankaŭ ili laborigis sin kruele hodiaŭ la tutan tagon. Sinjoro Jicunosuke, ankaŭ vi ripozu. Jam estas post la naŭa. Nun vi ripozu.

*Jicunosuke.* Neniam. Malfruiĝinte en la nokto, la spirito estas klara kaj la energio duobla.

*Rjookai.* Post tia penlaborego en la lasta nokto, bonvolu retiriĝi iom pli frue por hodiaŭa nokto.

*Jicunosuke.* Jen ĝuste tion mi volas diri al vi. Ĉu estus juste ke mi ripozus antaŭ ol sesdekjara bonzo maljuna kia vi? (Levas la martelon kaj ekbatas denove kun »He!«)

*Rjookai.* Ho! (Batas responde.)

(Kelkan tempon ambaŭ laboras kune.)

*Rjookai* (denove ripozante). Hieraŭ unu el la ŝtonhakistoj diris, ke li aŭdis pafon de ĉasisto malklare inter du batoj de lia martelo. Ĉu vi aŭdis ĝin?

*Jicunosuke.* Kvankam mi ne aŭdis pafon, estis antaŭhieraŭ vespere, mi pensas, mi kvazaŭ aŭdis la unuan plaŭdon de riverfluo, sed tio povus esti sonĝo, ĉar mi dormetis kiam mi haltigis la manon.

*Rjookai.* Jam forpasis ĉirkaŭ unu jaro, de kiam vi venis. Ha, jam tuj venu la tago. Tiom pli, ke dum la lasta unu aŭ du monatoj, mia korpo kaj koro ambaŭ fariĝis fine tre malfortaj, tiel ke apenaŭ restis el mia antaŭa forto. Mi sentas, ke mia lasta horo venos jam hodiaŭ aŭ morgaŭ. Se mi mortfalus kun martelo en mia mano, mi ne povus esti justa al vi, ne parolante pri la bedaŭro de mia flanko, tial nun mi laboras laŭ mia tuta eblo, sed ho, jam mi alvenis la finon de mia toleremo. Ha, roko! Ho, roko; je tiu ĉi decido, disrompiĝu en polvon! (Ekbatas furioze.)

*Jicunosuke.* Nur la kuraĝon de diligento! Se vi nun falus, tio estus kvazaŭ disfendiĝo de korbo antaŭ la lasta plenŝovelilo. Tenu firman koron kaj atendu. Nun, ĉio dependas de volo. He! (Ekbatas sovaĝe.)

*Rjookai.* Jes, estas ĝuste kiel vi diras. Eĉ en simpla ekbato ne devas esti ia ajn nezorgemo, nek dubo. La potencon de Kannon! Ho!

❁ ❁ ❁

**— Erik Adamsons —**

*Monforĝas pege majstro maljuna*
*kaj longe provas: ĉu bona ton';*
*kun sama ĝuo el buŝo juna*
*mi aŭdas kanton kun milda son'.*

*Kant', vino, kisoj la lipojn ĉarmigos,*
*ĝis ilin fermos tomba silent',*
*ĝis framboruĝon la Temp' velkigos,*
*kaj ili iĝos — malvarma ment'*

*Sed ĉe la tombo infanoj kuros*
*kun kant' kaj rido, kaj aŭdos mi,*
*amkantojn amanta — : same purpuros*
*la frambolipoj ankaŭ post mi.*

El la latva: N. Kurzens

(Ambaŭ, flanko apud flanko, batas kun ĉiuj siaj fortoj.)

*Rjookai.* Ha! (Forĵetante sian martelon, prenas la dekstran manon per la maldekstra.)

*Jicunosuke* (alkurinte al li). Kio estas? Kio estas al vi?

*Rjookai.* Tro forte mi batis rokon pli facile rompeblan ol ĝi aspektis, kaj la martelo en ĝin profundiĝis ĝis mia pugno. (Subite ekrimarkas truon sur la roko.) Rigardu! Stranga truo malfermiĝis!

*Jicunosuke* (proksimiĝante al la truo). Estas strange, la vento venas.

*Rjookai* (freneze). Kio! Kio! La vento venas? (Levas la martelon kaj sinsekve batas furioze. La roko disfalas sub lia atako kaj la truo pligrandiĝas.) Disfalas! Ĝi disfalas belege.

*Jicunosuke* (svingas la martelon freneze apud Rjookai). Traboriĝas! Ĝi traboriĝas belege.

*Rjookai.* Ha, la vento venas. La vento venas. Ĉu do la tunelo estas tramalfermita? Sinjoro Jicunosuke, rigardu atente.

*Jicunosuke* (enmetante la duonon de sia korpo en la truon). Ha, certe via ĵuro estas plenumita. Mi povas vidi malfortan lumon. Ĝi devas esti Jamakuni Rivero malforte brilanta en la mallumo. Sinjoro Rjookai, vere via ĵuro estas plenumita.

(Rjookai nur kunpremas siajn malplatojn kaj sin tordas, eligante sonon kiel ĝemo, sed ne povante paroli.)

*Jicunosuke.* Mi vidas! Mi vidas! Mi aŭdas! Mi aŭdas! Mi aŭdas la riverfluon. Mi vidas ion malklare blankan en la mallumo tuj sub miaj okuloj. Sendube ĝi estas landovojo. Sinjoro Rjookai, estu feliĉa.

*Rjookai* (eligas la voĉon por la unua fojo kaj ridas laŭte). Ho, ĝoje! Mi sentas, ke mi kvazaŭ eniras la Ĉielon vive. La okuloj kaj oreloj estas tre kadukaj, kaj mi ne aŭdas riveron, sed mi povas vidi la malfortan lumon. Ho, ĝoje! Ĝoje! ĝoje! ĝoje! Mia koro bolas de ĝojego. (Ĝojtordiĝas.)

*Jicunosuke* (prenante la manon de Rjookai). Kompreneble, kompreneble. Se mi sentas tian ĝojon nur helpinte vin dum simpla jaro, kiel multe pli kompreneble vi devas senti ĝin hodiaŭ nokte, kiam post pli ol dudek jaroj de sufero kaj doloro, kun

# La muŝo

— Hans Weinhengst —

De kiam lia filino edziniĝis, li translasis al la nova familieto la plej grandan parton de la trieja loĝejo, rezervante al si nur la unufenestran ĉambreton, en kiu li preskaŭ ermite pasigas sian tempon. Jam delonge sen regula laboro, li pene akiras siajn modestajn vivbezonojn per diversaj malbone pagataj skriblaboroj por granda firmo. Tiel li sidadas tagon post tago ĉetable en la malgranda ĉambro kaj skribas kaj skribas. Li foriras malofte, preskaŭ nur por forporti la faritan laboron kaj akcepti farotan. Antaŭ siaj filino kaj bofilo li aperas nur trifoje dum tago por manĝi kun ili.

Vintro venis. Ekstere falas dense neĝflokoj kaj en la ĉambreto regas tia malvarmo, ke la viro ĉe la tablo ree kaj ree frotas siajn rigidiĝintajn manojn unu sur la alia. Li devas ŝparegi pri hejtmaterialo.

Hodiaŭ li laboras kun eksterordinare granda malemo kaj kelkfoje li devas kolekti sian tutan energion por rekomenci la skribadon post interrompo por la manfrotado. Nemirinde ĉe tia malvarmo! Sed temis ne nur pri la malvarmo. Li estas hodiaŭ entute iom malbonhumora kaj, strange, li sufere sentas sian solecon, al kiu li ja kutimiĝis jam, pli sufere ol iam depost la morto de sia edzino.

Fine li sidas senmove kaj rigardas tra la fenestro, observas la neĝadon trankvilan, grandflokan kaj ekkalkulas la neĝerojn, kiuj falante trapasas lateton de la fenestroframo en certa linio.

Subite li ekaŭdas mallaŭtan susuretadon kaj sur la papero antaŭ li eksidas muŝo. Momenton li estis surprizita: Kio? Muŝo? Nun? De kie ĝi venis? Poste li volas mortfrapi la impertinentan besteton kaj eksvingas la manon. Sed la muŝo estas pli rapida ol li. La frapo de lia mano trafas nur la paperon, dum la besteto jam eksidas sur la plafono.

La viro ekkoleras; komenciĝas sovaĝa ĉasado, kiu restas senrezulta dum plenaj kvin minutoj. Poste la viro iom lacigite residiĝas, kaj konstatas, ke la ĉasado tamen havis unu rezulton: Li agrable varmiĝis.

— Al la diablo! — La viro diris al si, — ĝi do vivu, la insekto! Almenaŭ tiom longe, kiom ĝi ne ĝenos min. Longe ĝi ja ne povos vivteni sin en ĉi tiu ĉambreto, kie mankos varmo kaj manĝaĵo al ĝi.

Sed ĝi vivtenis sin. Pasis dekkvar tagoj kaj la muŝo ankoraŭ vivis kaj ŝajne eĉ ne malbonfartis. La viro kutimiĝis al ĝi. Ankaŭ ĝi kutimiĝis al li. Nun ĝi jam tute sentime promenadas sur la tablo, antaŭ li, dum li laboras, paŝadas malrapide sur lia mano kaj sidiĝas iafoje sur lia vango. Tiam li forpelas ĝin per facila manmovo grumblante preskaŭ karesvoĉe: Nu, nu, impertinenta vi ja estas, nu, ne gravas, sed ĉio havas siajn limojn! Kaj la insekto ŝajne komprenas lin kaj ekpromenas ree antaŭ li sur la tablo.

Iom post iom la viro ekamis la unusolan kunestanton en sia ĉambreto. Li eĉ eksentis sin malpli sola ol antaŭe. Kaj li ne plu volus perdi ĝin. Li do rezervas la rajton malfermi fenestron en sia ĉambro ekskluzive al si mem. Kiam estas eksterordinare malvarme, li eĉ hejtas pli ol li kutimis, kaj iam kaj iam li metas panpeceton sur tabloangulon por la muŝo. Kiam li matene forlasas la liton aŭ kiam li dumtage revenas en la ĉambreton, lia unua rigardo ordinare serĉas la insekton, sian »dombesteton«, kiel la viro nomas ĝin en siaj pensoj. Pedante li zorgas, ke araneo ne ŝpinu ie reton, kaptilon por la muŝo.

Sed iun tagon li nenie vidas ĝin. Maltrankvile, nervoze li ĉirkaŭrigardadas. Lia laboro hodiaŭ ne volas progresi. Strange, li pensas, ke tia mizera muŝo povas tiel eknesti en la menso de iu!

Fine li ekstaras kaj iras ĝin serĉi. Li trovas ĝin sur la fenestrobreto — morta. Lin ekkaptas malagrabla sento, sento de profunda bedaŭro pro la perdo de muŝo, kiu por li estis multe pli ol ordinara parazita insekto.

Pli ol antaŭe la viro nun sentas, ke estiĝis vintro kaj solece ĉirkaŭ li.

---

aprobo de Budaoj kaj dioj, vi plenumas la deziron de la vivo. Ĝoja estas ankaŭ mi.

*Rjookai* (subite rememorante). Pro tro granda ĝojo pri mi mem, mi forgesis. Ĉi tiu nokto komprenehle estas tiu tempo interkonsentita. Nu, forprenu mian vivon. Eĉ mi, se mi mortus en ĉi tiu ekstazo, certe reviviĝus estontece en la Pura Lando. Nu, forprenu mian vivon.

*Jicunosuke* (prenante la manojn de Rjookai). Sinjoro Rjookai, jam de longe mi forgesis ĉion. Kompare al via grandega laboro, en kiu vi turmentis vian korpon kaj spiriton dum tre longaj dudek jaroj, ĉu la venĝo estas plenumita aŭ ne, tio estas efemera afero de la homa mondo. Mi havis unu jaron de religia severeco apud vi kaj feliĉe liberigis min absolute de malica venĝemo de la sanga mondo. Rigardu! Ŝajne la luno trarompis la nubojn, ĉar venas la lunlumo.

*Rjookai* (enmetante la kapon en la truon). Ho, jen! Eĉ tiuj ĉi okuloj vidas la fluon de Jamakumi Rivero malklare.

*Jicunosuke*. Tiu ĉi lunlumo brilas kiel glorkrono vin ŝanĝanta en vivantan Budaon. Kaj por mi ĝi estas la lumo de Nirvano dispelanta mian malican venĝemon. Ha, refreŝiga lunlumo! Prefere ol vin bati, mi batos la rokon tiamaniere. (Prenante martelon kun longa tenilo apud si, li batas kun ĉiuj fortoj. La roko dispeciĝas kaj la tuta valo de Jamakumi Rivero aperas en la nokto.)

*Rjookai*. Efektive estas plej agrabla luno, ĉu ne? (Denove rememorante.) Nu, sinjoro Jicunosuke, prenu mian vivon. Morgaŭ la ŝtonhakistoj, mi timas, malhelpos vin denove. Nu, forprenu mian vivon.

*Jicunosuke* (prenante la manojn de Rjookai pliproksimiĝanta). Kian sensencaĵon vi diras? Rigardu tien! Estas klare ĝis la montosuproj ĉirkaŭ Kakizaka, la kampoj kvazaŭ naĝas en la luna lumo. Ha, ĝi estas la lunlumo, kiu plenumis vian grandan ĵuron kaj lasas plu nenion por deziri.

(Ili prenas la manojn kaj restas absorbite de la lunlumo.)

*Rjookai* (baldaŭ elprenante rozarion kaj premrulante ĝin en la manoj). Altan saluton, Tonŝoo Bosacu! en la vivo nomata sinjoro Saburobjoe Nakagaŭa. Pardonu la perfidon de Rjookai.

(Plorante klinas la kapon.)

*Jicunosuke*. Venĝo estas sonĝo de la pasinteco. Levu viajn manojn. Pri tiu ĉi vespero de plenumiĝo de via kordeziro, ni ĝoju el la fundo de nia koro. Ha, ĝoje, ĝoje, ĝoje! Ho, ĝojo!

(Dum ili ĉirkaŭbrakas unu la alian kaj ploras, la kurteno* falas.)

El la japana: *Joŝiŝi Ŝimomura*

# Ĉu la virino aŭ la tigro?

— Frank R. Stockton —

En la tre antikva tempo vivis duonbarbara reĝo, kies ideoj, kvankam iom poluritaj kaj klerigitaj de la progreseco de malproksimaj latinaj najbaroj, estis tamen grandiozaj, multornamaj, kaj senĝenaj, kiel konvenis al lia barbara duono. Li estis homo kun superabunda fantazio, kaj krome kun aŭtoritateco tiel nekontraŭstarebla, ke laŭvole li transformis siajn diversajn fantaziojn en realajojn. Li havis la kutimon konsiliĝadi kun si mem; kaj kiam li kaj li mem interkonsentis pri io, la afero nepre plenumiĝis. Kiam ĉiu ero de liaj domaj kaj politikaj sistemoj glate moviĝis sur sia difinita vojo, lia naturo estis milda kaj bonhumora; sed ĉiufoje, kiam okazis malgranda interrompo, kaj kelkaj el liaj astroj devojiĝis de siaj orbitoj, li estis ankoraŭ pli milda kaj bonhumora, ĉar nenio pli plaĉis al li, ol rektigi ion kurbigitan kaj platigi malglatajn lokojn.

Inter la fremdaj ideoj prisemitaj en lia barbareco, troviĝis la ideo pri la publika areno, kie, per elmontro de vira kaj besta braveco, la mensoj de liaj regatoj estis rafinitaj kaj kulturitaj.

Sed eĉ tiurilate la superabunda kaj barbara fantazio sin trudis. La areno de la reĝo estis konstruita, ne por doni al la popolo okazon aŭskulti la rapsodiojn de mortantaj gladiatoroj, nek por ebligi, ke ĝi vidu la neeviteblan finon de konflikto inter religiaj opinioj kaj malsataj buŝegoj, sed por celoj multe pli taŭgaj por plilarĝigi kaj disvolvi la mensajn kapablojn de la popolo. Ĉi tiu vasta amfiteatro, kun siaj ĉirkaŭantaj galerioj, siaj misteraj kriptoj kaj siaj nevideblaj koridoroj, estis perilo de la poezia justeco, kie la krimo estis punata kaj la virto rekompencata de la dekretoj de nepartia kaj nekoruptebla hazardo.

Kiam regato estis akuzita pro krimo sufiĉe grava por interesi la reĝon, oni faris publikan avizon, ke en difinita tago la sorto de la akuzito decidiĝos en la reĝa areno — konstruaĵo, kiu bone meritis sian nomon, ĉar, kvankam la formo kaj la skemo venis de malproksime, ĝia celo tamen venis sole el la cerbo de ĉi tiu viro, kiu, reĝo en ĉiu fibro, rekonis nenian tradicion, al kiu li ŝuldus pli da lojaleco ol plaĉis al lia kaprico, kaj kiu en ĉiun alprenitan specon de homa pensado kaj agado greftis la abundan produkton de sia barbara idealismo.

Post kiam la tuta popolo kunvenis en la galerioj, la reĝo, ĉirkaŭita de la korteganaro, sidiĝinte supre sur la trono de reĝa pompo ĉe unu flanko de la areno, donis signalon; sub li pordo malfermiĝis, kaj la akuzita regato elpaŝis en la amfiteatron. Rekte kontraŭ li, transe de la enfermita spaco, troviĝis du pordoj, tute similaj kaj unu flanke de la alia. Estis la devo kaj la privilegio de la juĝato iri rekte al ĉi tiuj pordoj kaj malfermi unu el ili. Li povis malfermi laŭplaĉe unu aŭ la alian; lin devigis nenia direktado aŭ influo krom tiu de la dirita nepartia kaj nekoruptebla hazardo. Se li malfermis unu, elvenis malsata tigro, la plej furioza kaj la plej kruela, kiu estas havebla, kaj tuj saltis sur lin kaj disŝiris lin, por puni lin pro lia kulpeco. Tuj post kiam la proceso de la krimulo tiel determiniĝis, oni sonorigis funebrajn ferajn sonorilojn, dungitaj funebristoj, lokitaj ĉe la ekstera rando de la areno, eligis laŭtajn plorkriojn, kaj la grandega rigardantaro kun klinitaj kapoj kaj malgajaj koroj malrapide iris hejmen, forte bedaŭrante, ke homo tiel juna kaj bela, aŭ tiel maljuna kaj respektinda, meritis sorton tiel teruran.

Sed se la akuzito malfermis la alian pordon, elvenis virino, la plej taŭga laŭ lia aĝo kaj rango, kiun la Reĝa Moŝto povis elekti el siaj belaj regatinoj; kaj kun ĉi tiu virino li estis tuj edzigita, rekompence pro lia senkulpeco. Ne estis grave, ke eble li jam havis edzinon kaj familion, nek ke eble lia amo jam direktiĝis al virino elektita de li mem; la reĝo ne permesis al tiaj malpli gravaj aranĝoj malhelpi lian grandiozan planon de puno kaj rekompenco. La ceremonion, kiel ĉe la alia eventualo, oni tuj plenumis, kaj ankaŭ en la areno. Alia pordo sub la reĝo malfermiĝis, kaj pastro, sekvata de ĥoranaro kaj dancistinoj ludantaj gajajn ariojn per oraj kornoj kaj dancantaj edziĝofestan dancon, alpaŝis al la kune staranta paro; kaj la edzigo estis tuj kaj gaje solenata. Poste gajige sonoradis la latunaj sonoriloj, ĝoje aklamadis la popolo, kaj la senkulpulo, sekvante infanojn, kiuj disĵetadis florojn sur la vojon, kondukis la junedzinon al sia domo.

Per ĉi tiu metodo la duonbarbara reĝo administris justecon. Ĝia perfekta senpartieco estas evidenta. La krimulo ne povis scii, el kiu pordo la virino elvenos; li malfermis laŭplaĉe aŭ unu aŭ la alian, tute ne sciante, ĉu la sekvantan momenton li estos manĝata aŭ edzigata. Foje la tigro venis el unu pordo, aliafoje el la alia. La verdiktoj de ĉi tiu tribunalo estis ne nur justaj, ili estis absolute decidigaj: la akuzito estis tuj punata, se li sin trovis kulpa; kaj, se senkulpa, li estis tuj rekompencata, tute egale, ĉu plaĉis al li aŭ ne. Ne estis eble eviti la decidojn de la areno de la reĝo.

Tre populara estis la institucio. Kiam en unu el la gravaj tagoj de juĝado kolektiĝis la homoj, ili neniam sciis, ĉu ili vidos sangan buĉadon aŭ gajegan edzigon. Ĉi tiu elemento de necerteco donis al la okazo intereson ne alie atingeblan. Tiamaniere oni amuzis kaj plezurigis la homamason, kaj la pensema parto de la popolo ne povis plendi, ke la plano estas maljusta, ĉar — ĉu la akuzito ne havas la tutan aferon en la propraj manoj?

Ĉi tiu duonbarbara reĝo havis filinon egale belan, kiel liaj plej brilaj revoj, kaj kun animo tiel arda kaj fiera, kiel lia propra. Kiel kutime okazas, ŝi estis por li plej kara, kaj li ŝin amis pli ol la tutan homaron. Inter liaj korteganoj troviĝis junulo, kiu havis la komunan belecon de korpo kaj la komunan malaltecon de rango de ĉiuj heroj de la kutima romantikeco,

---

## *Estinta vivo*

*— Janis Trimida —*

*Ne grave ja, ĉu gajas ni aŭ ploras,*
*ĉu longas viv', aŭ brulas peke for:*
*cindriĝas foje ĉio, forvaporas,*
*en nokt' profunda dronas sen memor'.*

*Sed restos Ter' kaj Lun' kaj firmamento,*
*kaj ie vagos, kvazaŭ eta nub',*
*la viv' estinta — fulga flok' en vento,*
*kiu hezite sinkas al la sub'.*

El la latva: N. Kurzens

# Rondeloj

**Mevo**

*Min tentis la rava rondelo*
*pentranta la samideanon;*
*almontris la fatamorganon*
*Kalocsay — la majstro-modelo.*

*Hezitis mi antaŭ la celo*
*timante malliertan profanon,*
*sed... tentis min rava rondelo*
*pentranta la samideanon.*

*Ve, estos ne brila juvelo,*
*venkanta plej belan romanon,*
*la krono, sed nur bagatelo:*
*ne donu gratule la manon...*

*Min tentis la rava rondelo.*

*

*LA COLLA, la bonema saĝo*
*mastras pri vortoj, gramatiko*
*kaj pafas per Lingva Kritiko*
*kontraŭ la vortokre-domaĝo.*

*Li jam varbiĝis dum junaĝo*
*kaj propagandis kun efiko,*
*LA COLLA, la bonema saĝo,*
*juĝas pri vortoj, gramatiko.*

*Dum dudek jaroj kun kuraĝo*
*delegis li por lingva apliko,*
*Palermo, tiu ora plaĝo*
*al Roma cedis en abdiko*

*pri LA COLLA, bonema saĝo.*

*MIGLIORINI, miraklo mensa,*
*ornamas la Akademion,*
*li ravas la konversacion*
*per vigla sprito, forto pensa.*

*Kaj per parolo suko-densa*
*li vekas tuj admir-envion,*
*MIGLIORINI, miraklo mensa,*
*ensorĉas la Akademion.*

*Sen trudo, sen flato incensa*
*li estras gravan Redakcion*
*kaj regas Enciklopedion,*
*en Roma, per labor' intensa.*

*MIGLIORINI, miraklo mensa.*

*

*GRAZZINI, griza veterano,*
*de la Katedro Direktoro,*
*modelo de ofer-laboro,*
*modelo de idea sano.*

*El instruistoj la dekano*
*post tridek jaroj de dejoro,*
*GRAZZINI, griza veterano,*
*de la Katedro Direktoro.*

*Sub lia ŝajna mok-rikano*
*ne dubu, varmas la fervoro;*
*pikanta sprito, senta koro:*
*li estas vera florencano.*

*GRAZZINI, griza veterano.*

---

kiuj amas princinojn. Al ĉi tiu reĝa fraŭlino multe plaĉis ŝia amanto, ĉar li estis bela kaj brava ĝis tia grado, kian neniu en la regno povis superi; kaj ŝi amis lin kun fervoro sufiĉe barbara, por igi ĝin arda kaj forta. Dum multaj monatoj progresis feliĉe ĉi tiu amintrigo, ĝis kiam unu tagon la reĝo okaze malkovris ĝin. Li nek hezitis, nek ŝanceliĝis pri sia devo rilate al la afero. La junulo tuj estis ĵetita en karceron, kaj oni difinis la tagon de la juĝado en la reĝa areno. Jen kompreneble aparte grava okazaĵo: kaj Lia Reĝa Moŝto, kiel ankaŭ la popolo, multe interesiĝis pri la funkciado kaj la disvolviĝo de la juĝado. Tia juĝado neniam antaŭe okazis: neniam antaŭe regato kuraĝis ami la filinon de reĝo. Poste tiaj aferoj fariĝis sufiĉe banalaj; sed tiam ili estis pli ol iomete novecaj kaj surprizaj.

En la tigro-kaĝoj de la lando oni serĉis la plej sovaĝajn kaj senkompatajn bestojn, por elekti la plej furiozan por la areno; kaj la vicojn de virga juneco kaj beleco zorge esploris kompetentaj juĝantoj, por ke la junulo povu havi taŭgan fianĉinon, se ne okazos al li alia sorto. Kompreneble ĉiuj sciis, ke la junulo ja faris la agon, pro kiu li estis akuzita. Li amis la reĝidinon, kaj nek li, nek ŝi, nek iu alia pensis pri la neado de la fakto; tamen ne povis eniri en la kapon de la reĝo tio, ke li permesus al tia fakto malhelpi la funkciadon de la tribunalo, pri kiu li tiom raviĝis kaj kontentiĝis. Kian ajn rezultaton la afero alportos, la junulo estos bone aranĝita, kaj kun estetika plezuro la reĝo observos la okazaĵojn, kiuj decidos, ĉu la junulo krimis aŭ ne, permesante al si ami la reĝidinon.

Alvenis la difinita tago. De proksime kaj malproksime la homoj kolektiĝis kaj svarmis en la grandaj galerioj de la areno; kaj multaj, kiuj ne sukcesis eniri, amasiĝis apud la eksteraj muroj. La reĝo kaj lia korteganaro okupis siajn lokojn, kontraŭe de la ĝemelaj pordoj — tiuj fatalaj portaloj, tiel teruraj pro ilia simileco.

Ĉio estis preta. Oni donis la signalon. Pordo sub la reĝa grupo malfermiĝis, kaj la amanto de la reĝidino eniris en la arenon. Altstaturan, belegan, blondan, lin salutis mallaŭta zumado de admiro kaj maltrankvilo.

Paŝante en la arenon, la junulo sin turnis, laŭ la kutimo, por riverenci al la reĝo; tamen li tute ne pensis pri tiu reĝa persono — liaj okuloj fiksrigardis la reĝidinon, kiu sidis dekstre de sia patro. Posedante pli da potenco, influo, kaj karakterpovo ol ĉiu, kiu iam antaŭe interesiĝis pri tia afero, ŝi faris, kion faris neniu alia — ŝi sciiĝis pri la sekreto de la pordoj. Ŝi sciis, en kiu el la du ĉambroj malantaŭ tiuj pordoj staras la malfermita kaĝo kun la tigro, kaj en kiu el ili atendas la virino. Tra tiuj dikaj pordoj, interne dense kurtenitaj per feloj, povis veni nenia sono aŭ sugesto de interne al tiu, kiu alproksimiĝis, por levi la fermilon de unu el ili; sed oro kaj la potenco de virina volo alportis al la reĝidino la sekreton.

Kaj ŝi sciis ne nur, en kiu ĉambro staras la virino, ruĝiĝante kaj brilante, preta eliri en la okazo, se ŝia pordo malfermiĝos, sed ŝi sciis, kiu estas la

## Sopiro

— Nikolao Hovorka —

*En florokalikojn la larmoj*
*El miaj okuloj gutis.*
*Mi ĉerpis la florojn kaj ilin*
*Sur vian kusenon ŝutis.*

*La nokto baldaŭ alpaŝas,*
*Vi dormos sur ĉasta kuseno,*
*Kaj mian sopiron malkaŝas*
*La floroj el mia ĝardeno.*

virino. Unu el la plej belaj kaj amindaj knabinoj de la kortego oni elektis, por rekompenci la akuzitan junulon en la okazo, se li montriĝos senkulpa pri la akuzo, ke li kuraĝis ami tian altrangulinon; kaj ŝin malamis la reĝidino. Ofte ŝi vidis, aŭ supozis, ke ŝi vidas ĉi tiun belan estaĵon ekrigardi admire al la persono de ŝia amanto, kaj kelkfoje ŝajnis al ŝi, ke la rigardoj estis rimarkitaj kaj eĉ redonitaj. La knabino estis ja belega, sed ŝi kuraĝis turni la okulojn al la amato de la reĝidino; kaj la reĝidino, kun la tuta forto de la sovaĝa sango heredita post longaj vicoj de plene barbaraj prapatroj, malamis la virinon, kiu ruĝiĝadis kaj tremis malantaŭ tiu muta pordo.

Sin turninte, la amanto rigardis ŝin, kaj liaj okuloj renkontis la ŝiajn, dum ŝi tie sidis, pli pala kaj pli blanka, ol ĉiu alia en la vasta amaso de maltrankvilaj vizaĝoj ĉirkaŭ ŝi, kaj li vidis, per la povo de rapida percepto donita al tiuj, kies animoj estas unuigitaj, ke ŝi scias la pordon, malantaŭ kiu staras la virino. Li ja supozis, ke ŝi scios. Li komprenis ŝian naturon, kaj lia animo estis certa, ke ŝi ne ripozos, ĝis ŝi sciiĝos pri tio, kio estis kaŝita al ĉiuj aliaj rigardantoj, eĉ al la reĝo. La sola espero enhavanta iom da certeco por la junulo baziĝis sur la sukceso de la reĝidino en la eltrovo de ĉi tiu mistero. En sia animo li sentis, ke ŝi sukcesos, kaj en la momento, kiam li ŝin rigardis, li sciis, ke ŝi ja sukcesis. Tiam per rapida kaj maltrankvila ekrigardo li demandis: »Kiu pordo?«. Tio estis tiel klara por ŝi, kvazaŭ li krius la vortojn el la loko kie li staris. Eĉ ne momenton ŝi devas heziti. Kvazaŭ ekbrilo venis la demando; kvazaŭ ekbrilo ĝi bezonis respondon.

Ŝia dekstra brako kuŝis sur la remburita balustrado antaŭ ŝi. Ŝi levis la manon kaj iomete, rapide ŝi movis ĝin dekstren. Krom la amanto, neniu ŝin vidis. Ĉiu okulo, krom la lia, fikse rigardis la viron en la areno.

Li sin turnis, kaj kun decidema teniĝo li rapide marŝis tra la malplena areno. Ĉiu koro ĉesis bati, ĉiu spiro reteniĝis, ĉiu okulo fiksiĝis senmove sur tiun viron. Sen eĉ la plej malgranda hezito, li aliris al la dekstra pordo kaj ĝin malfermis.

*

Nu, la esenco de la historio estas jena: ĉu el tiu pordo elvenis la tigro aŭ la virino?

Ju pli oni pripensas la demandon, des pli malfacile estas respondi. Ĝi necesigas esploron de la homa koro, kiu kondukas nin tra strangaj labirintoj de pasio, el kiu estas malfacile trovi la vojon. Pripensu ĝin, honesta leganto, ne tiel, ke de vi dependas la decido, sed de tiu varmsanga, duonbarbara reĝidino, kies animo ardegis pro la kunaj fajroj de malespero kaj ĵaluzo. Ŝi jam perdis lin, sed kiu lin havos?

Kiom da fojoj, jen maldormante, jen sonĝante, ŝi eksaltis pro freneza teruro kaj kovris la vizaĝon per la manoj, pensante pri sia amanto, malfermanta la pordon, malantaŭ kiu atendas la senkompataj dentoj de la tigro!

Sed kiom pli da fojoj ŝi vidis lin ĉe la alia pordo! Kiel ŝi grincigis la dentojn kaj ŝiris la harojn, kiam en siaj afliktoplenaj revoj ŝi vidis lin salti kun ravega plezuro, dum li malfermis la pordon de la virino! Kiel brulis ŝia animo pro turmentego, kiam ŝi vidis lin rapidi, por renkonti tiun virinon kun la ruĝiĝantaj vangoj kaj la okuloj triumfe brilantaj; kiam ŝi vidis lin elkondukanta ŝin, dum lia tuta korpo eklumis de la ĝojo de la reakirita vivo; kiam ŝi aŭdis la feliĉajn kriojn de la homamaso kaj la tumultan sonoradon de la gajigaj sonoriloj; kiam ŝi vidis la pastron, kun lia ĝoja sekvantaro, alproksimiĝi al la paro kaj geedzigi ilin antaŭ ŝiaj propraj okuloj; kaj kiam ŝi vidis ilin forirantaj kune sur vojeto de floroj, sekvataj de la laŭtegaj kriegoj de la ĝojebria homamaso, en kiu perdiĝis kaj dronis ŝia sola malespera plorkrio!

Ĉu ne estus pli bone, se li tuj mortus kaj atendus ŝin en la benita lando de la duonbarbara estonteco?

Tamen tiu terura tigro, tiuj kriegoj, tiu sango!

Nur unu momenton ŝi bezonis, por montri sian decidon, sed tagojn de dolorega konsiderado, por fari ĝin. Ŝi ja sciis, ke oni demandos, ŝi decidiĝis pri la respondo, kaj sen la plej malgranda ŝanceliĝado, ŝi movis la manon dekstren.

La problemon de ŝia decido oni devas ne facilanime pripensi, kaj ne decas al mi arogi, ke mi estas la sola, kiu povas ĝin solvi. Do mi lasas ĝin al vi ĉiuj. Kiu elvenis el la malfermita pordo — la virino aŭ la tigro?

El la angla: *G. Badash*

## Aŭtuno

— Rubén Dario —

*Pri mi nun kelkaj diras: Silentas la sonoro*
*de lia voĉo, iam belega sen komparo.*
*Sed tiuj ne rimarkas la agon de la horo,*
*la taskon de l' minuto, mirverkon de la jaro.*

*Mi, kvazaŭ juna arbo, aŭdigis ĉe l' venteto*
*ian susuron dolĉan, dum kreskis mi, infan'.*
*Forpasis jam la tempo juneca de l' poeto:*
*nun skuas mian koron la fort' de l' uragan'!*

El la hispana: **Jaume Grau Casas**

# Vojaĝo en Faremido

**— Frederiko Karinthy —**

*Mirinda estas la efiko de l' muziko. Kvazaŭ el-ekstere, el la mondo de l' Belo kaj Realo iu brufrapas la pordon de nia animo — sed ni ne komprenas lian voĉon. En Faremido oni parolas ĉi tiun lingvon — kaj Gulliver, la migranto, por momento opiniis jam preskaŭ-preskaŭ kompreni ĝin. Kaj tiam li verkis tiun ĉi libron.*

*Frederiko Karinthy.*

## UNUA ĈAPITRO

*La aŭtoro rerigardas al siaj ĝisnunaj aventuroj. /Eksplodas la eŭropa mondmilito: la aŭtoro kiel kirurgo venas en la linîŝipon Bulwark./ Proksime al Essex la germanoj eksplodigas la ŝipon. La aŭtoro kaj la ŝipestro rifuĝas per hidroplano./ En la kriza momento mirinde aeroplano savas la aŭtoron kaj albordigas lin sana en Faremido.*

La leganto certe miras, ke spite al tiom da malgajaj spertoj kaj post kiam por eterne mi decidis ne plu ekvojaĝi, tamen, en la julio de mil naŭcent dekkvar, mi forlasis miajn edzinon kaj infanojn, por ke, kiel kirurgo sur la liniŝipo Bulwark, mi ekiru al la akvoj de l' Balta maro. Certe troviĝos homoj, kiuj akuzos min pri manko de persistemo: mi ja devis rekoni jam post mia unua vojaĝo, kiam mi feliĉe rifuĝis el Lilliput, ke vera angla regnano plej bone agas neniam transpaŝante la limojn de nia ege amata patrujo, ĉar li ja estigas por si nur *stultan kaj senĉelan ĉagrenon*, ne pripensante, ke iam li tamen devos reveni al sia varmege amata hejmlando. Miaj postaj vojaĝoj, Brobdingnag, Laputa kaj Hauhnhnmlando, ankoraŭ plie min konvinkis pri tiu ĉi vero, kiel la leganto certe memoras, ĉar, ĉu ne (precipe se oni pensas pri mia lasta aventura vojaĝo), se reveninte el Laputa kaj Lagado, mi estus kviete restinta hejme, kiom da teruraj kaj mortaj danĝeroj mi estus evitinta; *por ne diri ion alian, mi mencias nur tiun preskaŭ fatalan aventuron, kiam de la ferdeko de l' ŝipo* mi saltis en la maron pro malespero, ke oni volas min perforte reporti en Britlandon, ĉe kiu okazo mi preskaŭ perdis mian vivon. Se mi restas hejme, neniam mi venas tian situacion.

*Por senkulpigi mian ŝajnan malpersistemon*, mi devas aludi nur tiun flaman kaj senliman patrujamon, kiu tie brulas en la animo de ĉiu angla regnano je la penso, ke li risku sian vivon kaj havon por sia patrujo. En la somero de mil naŭcent dek kvar estiĝis certaj konfuzoj ĉirkaŭ Serbio kaj Aŭstrio-Hungario. Por certigi la pacon de Eŭropo, mia patrujo komencis militon kontraŭ Germanlando, kiu senĉese minacis la mondon per milito.

Inter tiaj cirkonstancoj kompreneble ĉiu anglo sentis sia devo defendi sian senrajte kaj neatendite atakitan patrujon. Ankaŭ mi tuj anoncis min kiel kirurgo, mi ne povis kontraŭstari parte mian vageman kaj aventureman naturon, kiu min pelis al ĉiam pli kaj pli novaj entreprenoj, kaj parte la neestingeblan kaj nekontraŭstareblan patrujamon vivantan en la animo de ĉiu angla regnano, kiam li havas okazon oferi vivon kaj sangon por la komuna afero.

Post mia anonciĝo oni komandis min sur la liniŝipon Bulwark, kies tasko estis defendi la bordojn en la proksimo de Essex kaj okaze subteni la ofensivon de l' ŝiparo. Mia ŝipestro, Sir Edward B., tre eminenta kaj klera viro, interamikiĝis kun mi jam en la unuaj tagoj kaj multajn interesajn detalojn de grava milita signifo li komunikis al mi el la privata vivo de l' admiralo. Komence nia ŝipo ne venis en la fajrolinion, sed ĉe la francaj bordoj ĝi transprenis vunditojn por ilin ekspedi al Essex. Kiel kirurgo mi akiris eksterordinare interesajn kaj edifajn spertojn por la evoluigo de mia fako: en la nomo de miaj kolegoj mi povas decide aserti, ke nenio evoluigas tiom la belegan sciencon de l' kirurgio, kiel tiu ĉi moderna milito, kiu, per siaj sennombraj armiloj, maŝinpafiloj, grenadiloj, vaporhaŭbizoj, bomboj krevantaj en aero, pintigitaj kugloj, venenitaj sagoj, liveras ĉiam pli kaj pli interesajn kaj ĉiam pli novajn kazojn por la edifo de la lernema kirurgo. Ankaŭ mi mem observis ne malpli ol tridek kvar tiajn eksterajn kaj internajn mortvundiĝojn kaj malsanojn, kiuj ĝis nun ekzistis en nenia medicina enciklopedio kaj per kies registrado, sen malmodesteco mi povas diri, mi faris ne sensignifan servon al la medicina scienco. Estis tie frakasitaj ostoj, kontuzitaj hepatoj, elturniĝintaj intestoj kaj elpremitaj okuloj. Mi vidis homon, kies vizaĝo kaj brusto ŝvelis barelgranda, ĉar lian laringon traboris kuglo kaj la aero penetris duone en la pulmon, duone sub la haŭton, kaj altan, kies maldekstra brako ŝrumpis seknigra, ĉar ĉe la dekstra ŝultro la arterion disŝiris grenadosplito. Abundis pafitaj, trancitaj kaj pikitaj vundoj kaj kelkaj *interesaj kazoj tre konsiderindaj el fiziologia vidpunkto, kiuj, per la amplekso de la kirurgia difekto de l'* nukmuskoloj montris la dinamikan forton de l' homa dentaro. Kvankam, laŭ strikta konsidero ne apartenantajn al mia fako: tamen mi notis ankaŭ kelkajn interesajn psikiatriajn observojn: ekzemple venis antaŭ min japana soldato kiu freneziĝis sur la batalkampo, — li havis la fiksan ideon, ke li scias, kial li batalas.

Nia ŝipo krozadis proksime al la anglaj bordoj ĝis *la fino de Novembro, — per la detaloj mi ne tedas la leganton.* La 22-an de novembro *radiograme* venis la ordono, ke la Bulwark surbordigu siajn vunditojn, kompletigu sian ŝipanaron je militetato kaj iru al Dixmuiden, kiun la germanoj okupis. Ni alprenis sepcent homojn, enŝipigis provizon de municio kaj la 24-an *de novembro en granda nebulo ni ekiris al la belgaj* bordoj. La nebulon ni tralumigis per lumjetiloj, tamen ni iom devojiĝis, en la direkto de l' anglaj bordoj, al okcident-sudokcidento. La 25-an de novembro tra la nebulo ni ricevis lumsignojn, sed ni ne povis ilin legi, je kelkaj nodoj de ni niaj lumjetiloj montris ŝipon. Ni elturnis la malsuprenigitajn kanonojn kaj alarmis la ŝipanaron. Ĉiu okupis sian lokon kaj la ŝipinĝeniero jus ordonis plenan vaporon, kiam terura eksplodbruo ekskuis la ferdekon: la ŝipo kuris sur maran bombon. Sovaĝa paniko fariĝis sur la ferdeko, ĉiu perdis la kapon kaj malespera tumulto ekiris al la savboatoj. Min la forto de l' eksplodo puŝis for de la ŝipestra ponto, kie mi jus *parolis* kun la kapitano kaj mi perdis por kelkaj momentoj mian konscion. Kiam mi rekonsciiĝis, la ŝipo kuŝis unuflanke kaj rapide subakviĝadis. La ŝipanaro blasfemante kaj luktante ŝiradis la ĉenojn de l' boatoj: ili okupis ĉiun lokon, neniu zorgis pri mi. Mi vidis, ke mi devas perei kaj malesperiĝinte mi malbenis la momenton, kiu min portis sur la ŝipon, kiam la ŝipestro rampis al mi kaj signis, ke mi lin sekvu. Ŝanceliĝadante mi grimpis ĝis la malantaŭa ferdeko: tiam la ŝipestro levis la planktabulon kaj signis, ke mi rapide descendu. Grandiozan hidrop-

# MIA ANGULO

— JULIO BAGHY —

## Dodo kaj liaj kvar patroj

Ekzistas infanoj, kiuj — onidire — neniam havis patron. Iu nekonata cikonio faligis ilin en la lulilon. Nun ne temas pri ili. La Vivo estas kaprica kaj romantika. Nur tiuj neas ĝian romantikecon, kiuj ne kuraĝas montri sian koron... (Nu bone, broskora kritikisto, mi ne volas disputi kun vi. Vi estas prava: nur la homoj estas romantikaj. Sed kion fari, se tiuj homoj apartenas al la Vivo?)... Nu, *Dodo*, la heroo de tiu ĉi historieto, trovita en burĝhumora gastejo periferia, havas samtempe kvar patrojn, eĉ li havis tiun, kies nomon li fiere portas. Tiu ĉi kvina patro, kiu efektive estis la unua, tamen restis por ĉiam nekonata por li. Patro kaj filo ne konis unu la alian. La unua eble ĝuste en tiu momento transpaŝis la sojlon de la Morto, kiam la dua tamburis ĉe la pordo de la Vivo. Lia patrino povis diri al li nur tion: »jes, via paĉjo estis heroo de la batalkampo... li mortis por la patrujo kaj libereco... li estis la plej bona el la bonaj...« El tio ĉi vi povas klare vidi, ke ne *Dodo*, sed lia historio estas trovita de mi.

Jen, denove mi esprimis min ne ĝuste, ĉar ankaŭ li estas trovita infano. Jes, li estas trovita de siaj *kvar* patroj. Por mi lia historieto estas interesa tial, ĉar hazarde mi ĉeestis ĉe la komenco antaŭ dekdu jaroj kaj mi havis la bonŝancon vidi la daŭrigon antaŭ kelkaj semajnoj. La komenco kortuŝis min, sed mi forgesis. La daŭrigo surprize karesis mian koron, en kelkaj detaloj firmigis mian kredon pri la komika ĉarmo de la homa boneco kaj tial mi surpaperigas la du epizodojn.

*

En 1921 ankoraŭ ne ŝiriĝis tute tiuj nevideblaj fadenoj, kiuj ligis la iamajn samsortanojn, iamajn militkaptitojn unu al alia. Ili kunvenis en intima angulo de restoracio por rememori pri la kune trasuferita tempo kaj per tede ripetita rakontado plibeligi la neplibeligeblan. Ankaŭ mi vizitis kelkajn lokojn, kie mi povis revidi miajn batalkampajn amikojn.

Foje por prezenti deklamon dum esperanta festo mia vojo kondukis min al *Kőbánya*, periferia kvartalo de *Budapest*. Estis vintra tago kaj frue vesperiĝis. Sentante frostotremon mi paŝis en gastejon, proksiman al la loko de la festeno. Dum sidado ĉe iu apudfenestra tableto mi rigardis la gastojn, kies plimulto apartenis al la metiista klaso. Ili duonlaŭte diskutadis pri politiko, lamentis pri hejmaj zorgoj, pritraktis familiajn intimajojn. Iu malfermis la stratan pordon kaj mia rigardo tuj rekonis la alveninton. La rememoro fulme zigzagis kaj mi sciis jam eĉ lian nomon: *Mate Gere*, la ŝuisto, kiu kuŝis sur la suba litbenko en *Berezovka* kaj en 1918 fariĝis ruĝarmeano. Jen, li vivas, kvankam oni diris, ke li mortis dum la batalo ĉe *Angara*.

— He, Gere! Ĉu vi vivas? — surprizite mi kriis al li.

— Kial mi ne vivus? — kaj momenton embarasite li rigardis min, poste la rekono eksplodigis en li la kamaradan senton. — Nu, tia renkonto! Kaj ĉu vi, sinjoro volontoro, ne mortis pro tifo en Nikolsk Ussurijsk?

— Kompreneble ne, ĉar mi neniam havis tifon. Kiel mi ĝoje vidas, ankaŭ vi elturnis vin vivanta el la batalo ĉe *Angara*.

— Kompreneble, ĉar mi neniam partoprenis en tiu batalo.

Ni ambaŭ ridis kaj reciproke demandis, respondis pri okazintaĵoj, pri komunaj konatoj. Subite li afable invitis min en la internan ĉambron de la gastejo promesante renkonton al multaj malnovaj samsortanoj.

---

lanon mi ekvidis plene muntitan per kurboatoj kaj pretan al ekiro: jam ankaŭ la motoro bruis. Per unu salto ni ensidiĝis, la ŝipestro kaptis la tenilon kaj en la sekvanta minuto la hidroplano kuris malsupren sur la dekliva glitejo al la akvo. La helico komencis kirli la aeron, ni kuris kelkajn kilometrojn sur la akvo, poste subite ni suprenŝvebis en la nebulon. Rerigardante, mi jam nenion vidis el la ŝipo: tra la nebulo malcertaj lumoj fosforis sub mi. Tranĉa malvarmo estis nun kaj baldaŭ ĉio malaperis ĉirkaŭ mi: nepenetrebla densa nebulo ĉirkaŭprenis la maŝinon kaj ne nur ne maldensiĝis sed eĉ ĉiam plifortiĝis. La bruego de l' motoro tute malhelpis la parolon kaj sekve mi ne havis eĉ imagon, en kiu direkto ni iras kaj en kia alto. Angore mi sidis sur mia loko, foje kaj foje duone perdante mian konscion pro la malvarmo kaj rapida aerfluo, ke eĉ hodiaŭ mi ne scias, ĉu ni flugis tiel tri horojn aŭ duontagon. Mi memoras nur, ke foje mi sentis gutadi ion malsekan sur mian mentonon, mi palpis ĝin kaj mia mano iĝis sanga, dume mi rimarkis, ke ankaŭ el sub miaj ungoj elfluetas sango kaj mia spiro haltadas. Nun la nebulo kvazaŭ maldensiĝis ĉirkaŭ mi kaj ia nenatura malhelgriza brilo embuskis inter la flugiloj. Tiam mi rekonis, ke ni estas tiel alte, kie jam tute maldensa estas la aero, terurite mi kaptis la brakon de l' ŝipestro, sed li ne moviĝis, mi antaŭenkliniĝis kaj rigardis en lian vizaĝon, ĝi estis senmova kaj rigida, la okuloj el vitro, el la du naztruoj silente gutadis la sango. Liaj manoj kun puŝa movo spasme tenis la altecdirektilon. Min kaptis terura timego kaj mi puŝis lin flanken; li peze turniĝis maldekstren kaj lia kapo falis antaŭen. Super lia kapo mi etendis la brakojn kaj kaptis la direktilon, sed mi jam sentis, ke estas finite, mi ne eltenos plu. Tiam mi ekaŭdis laŭtan susuron super mia kapo; suprenrigardante mi ekvidis grandegan, birdforman mekanismon tra la maldensiĝinta nebulo. Mi volis krii, ke mi kapitulacas (en mia konfuza cerbo mi imagis, ke malamika aeroplano estas super mi), sed nenia voĉo venis el mia gorĝo. Poste mi havis la senton, kvazaŭ io ellevus min el mia sidejo: dume stranga, dolĉa muziko frapis miajn orelojn kaj miaj okuloj fermiĝis. Kiam mi denove ilin malfermis, nigra nokto min ĉirkaŭis kaj la ĉielo estis plena de steloj sub kaj super mi: mi rekonis la ĉielĉaron kaj ia granda trankvilo min plenigis. Mi kuŝis sur io mola kaj kvazaŭ masivaj, fortaj ŝnuroj tenis min katene, tamen ne farante malagrablan senton. Ambaŭflanke kvazaŭ io frapadis: monotona kaj sonora sono estis ankaŭ tio ĉi kaj sur mian frunton kvazaŭ freŝa, bonodora suko estis gutanta el krano. Ĉu ni pasas aŭ staras, tion mi tute ne sciis, nek tion, kiel longe daŭris ĉi tio, foje poste mi ekvidis brilan, verdan kampon kun arabeska desegno de riveroj kaj montaroj. Komence ŝajnis, ke ĉi tio estas super mi, poste, ke sub mi, kaj ni malrapide al ĝi malleviĝis. Dum kelka tempo ni ŝvebis super helverda, ridetanta bosko, poste floranta maldensejo aperis, kreskis: mi sentis, ke ni descendas. Nun mi divenis, kial mi sentas min tiel feliĉa: jam preskaŭ tutan horon unuunura akordo sonoris ĉirkaŭ mi, sed kun tiel dolĉa kaj pura sono, ke mi opiniis naĝi kaj baniĝi en tiu ĉi sono, kvazaŭ en freŝa oleo; mi ekatentis kaj rekonis, ke el kvar simplaj tonoj ripetiĝas ĉi tiu muziko, ĝian ravan ĉarmon donas plie la koloro kaj molo de tiuj ĉi sonoj, ol ilia sinsekvo; iom mi komprenas muzikon, junaĝe oni devigis min lerni fortepianon kaj tiel mi tuj povis konstati, ke tiuj ĉi kvar sonoj jene sin sekvas: f, d, e, c: laŭ la doremifasolasido de l' gamo jene: Fa-re-mi-do. Samtempe ni atingis teron.

*(Daŭrigota)* El la hungara: *L. Totsche.*

— Ĉu vi memoras pri *Johano Kovač?*

— Ĉu pri tiu, kiu apartenis al mia svarmo kaj kiun en *Buguruslan* la ĵaluza tataro volis mortigi pro okulumado al sia edzino, kvankam la perokula amindumo rilatis ne tiom al ŝi, kiom al la butera flano, tenata de la migdalokula tatarino?

— Jes, ĝuste pri li mi parolas. Pri Kovač la tajloro de la kompanio. Ankaŭ li estas en la alia ĉambro.

Senkulpigante min pro la rifuzo de la invito per aludo pri mia urĝa laboro, tamen mi promesis, ke post la fino de mia prezentado mi revenos al ili. Ni konsentis kaj mi foriris.

Post la prezentado mi plenumis mian promeson. En la interna ĉambro ĉe longa tablo sidis kvar viroj, el kiuj du estis konata de mi: Mate Gere kaj Johano Kovač. Kun laŭta aklamado ili akceptis min kaj baldaŭ regis militkamarada humoro, stimulita de bongusta vino. Mi eksciis detale la historion de la du novaj konatoj. Petro Galgo, iam kaporalo en la regimento N-ro 44, nun paca lignaĵisto kaj Stefano Toboly, la spicvendisto, kiu eĉ en la militkaptitejoj saĝe profitigis sian komercemon, vigle elokventis pri siaj travivaĵoj.

La gajan babiladon subite rompis la apero de nova alveninto, kiu ĉemane kondukis 5- aŭ 6-jaran knabeton. Ne tiom lia persono mem, kiom lia malgaja mieno silentigis la amikan rondon. La rigardoj serĉis surprizite ian interrilaton inter la knabo kaj la tabla kamarado, kiu — simile al la aliaj — estis ankoraŭ fraŭlo. Post momenta paŭzo Mate Gere rimarkis laŭte ekridante: »Nu, Celler, ŝajnas, ke vi mutiĝis. Virino estas en la afero. La tajlorino kudris infanon al via kolo.«

Andreo Celler, la alveninto kurbe ridetis, ŝovis antaŭ si la knabeton al la tablo, sidigis lin iom mallerte, sed delikate.

— Vi estas prava, Gere. Virino estas en la afero kaj la knabon ŝi kudris al mia kolo sen mia kulpo... Bona knabo, malfeliĉa infano — kaj Celler emociite glatigis la hirtajn buklojn de la knabo. — Toboly, ĉu vi memoras pri leŭtenanto Berec?

— Ho, tre bone. Ni kune batalis en 1914 ĉe la *Karpatoj*. Li estis la komandanto de nia kompanio. Oni diris, ke post mia unua vundiĝo li mortis dum sturmo.

— Nu, tiu ĉi knabo estas lia orfo. La patro neniam vidis lin, nur sopiris je lia alveno. Mi scias, ĉar mi estis la oficirservisto de la sinjoro leŭtenanto. Tiel komenciĝis, ke li kaj mi loĝis en la sama domo kaj dum la infanaj jaroj ni interamikiĝis. Kompreneble nur ĝis tia grado, kiu estas kutima inter diversklasaj kaj diversprofesiaj homoj. Li fariĝis inĝeniero kaj mi seruristo. Ni servis en la sama regimento: li, kiel unujara volontoro, kaj mi, kiel simpla soldato. Sed tio okazis dum la antaŭmilita tempo. Kiam mi liberiĝis de la uniformo, li jam havis bone salajratan oficon en la maŝinfabriko kaj dank' al lia protektado ankaŭ mi baldaŭ povis bone laborgajni. Ni loĝis en la sama domo kaj tial ĉiutage mi renkontis lin sur la ŝtuparo aŭ sur la koridoro. Ĉiam afable li ŝercadis kun mi kaj fervore rekomendis al mi edziĝi kun la straba kvardekjara servistino de sia patro konjektante, ke mi okulumas ĝuste al kontraŭa flanko, kie la blonda ĉambristino de iu kuracisto knedis per rideto mian junan koron. Iun tagon li surprizis min per la sciigo: »Andreo, li diris, mi edziĝis por doni al vi bonan ekzemplon.« Li edziĝis kun ĉarma orfino kaj ili feliĉe vivis en la patra hejmo, sed ne longe, ĉar la diablo ektrumpetis kaj ni estis vokitaj al militservo. Tiam li proponis al mi la pli sekuran postenon. »Andreo, vi estos mia oficirservisto.« Kaj mi estis kun li ĝis lia morto. Poste venis sinsekve tranĉeo, vundiĝo, denove tranĉeo kaj fine dujara militkaptiteco. Ĝis pulmoŝiriĝo povis trumpeti la pacanĝelo, la kanonoj surdigis, eble por



Kodak-foto *Portreto*

# Sangaj ludoj

— I. Lejzerowicz, Lodz —

De sangsoifo ebriiĝis Eŭropo. Homoj ne povis plu elteni tiun dresitecon kaj ĉiaman ŝajnigadon de kulturportantoj. Tro peza estis tiu balasto de humaneco. Minacis ja danĝero: la homoj povos pro tiu longa ŝajnigado kutimiĝi ankoraŭ al la homeco (kutimo estas ja nia dua naturo!) — kaj tiam ĉiuj ideoj de liberaleco povus — Dio gardu — venki la mondon. Do oni haste ĵetis for la maskojn de kulturo, kiujn senpripensaj pensuloj, gangrenumitaj idealistoj, nerebonigeblaj geniuloj ellaboradis por la mondo dum longaj generacioj. Por kio cetere porti kulturmaskojn, se ekzistas aliaj maskoj eble pli utilaj kaj pli necesaj: gasmaskoj.

Nu, se oni forprenas de nuntempa homo la iomon da kulturo, per kiu li ornamis sian maskon (ĉar — kiel elmontriĝas — interne li neniam portis ĝin), aperas antaŭ ni primitivulo kun simbola hokbastono, per kiu li frakasas la kapon kaj cerbon de l' dudeka jarcento. Scienco kaj belarto, penso kaj literaturo estas ja hontmakulo por tiuj kavaliroj de l' bastono. Ho, sankta primitiveco! Kia feliĉo — deskui de si ĉiaman respondecon! Ho sankta vandaleco! Kia ĝuo malliberigi, premi, distreti, ekstermi liberajn spiritojn! Ho sankta barbareco! Kia volupto — plaŭdi per la lango, vidante la plej belan inkvizician ludon de la 20-a jarcento, kiam sur aŭtodafeo estas formanĝataj de flamoj la perloj de nia filozofio, la diamantoj de nia scienco moderna, la juveloj de nia nuntempa verkarto!

Malfeliĉa Eŭropo! Kio kun vi fariĝas?

La 11-an de majo sur la opera placo de Berlino estis farata imponega aŭtodafeo, ne havanta ion egalan en la historio de l' homaro. En ĉeesto de dekmiloj da homoj estis publike bruligataj verkoj de plej grandaj scienculoj kaj verkistoj. Alten al la ĉielo la brulŝtiparo pafis siajn flamolangojn, kiuj kun krakado kaj avido glutis la genion tuthomaran. La ruĝo de la flamoj disportiĝis vasten tra la tuta mondo kaj kovris la vizaĝon de ĉiu nobla kulturhomo. En la fajro de l' nuntempa inkvizicio pereis ĉiuj ĉi granduloj, kiuj edukis nin, flegis niajn animojn, nutris niajn cerbojn: Heine, Mann, Ludwig, Wasserman, Marx, Freud, Lessing, Spinoza, Einstein — senfina estus tiu listo! Kaj eble, karaj samideanoj, la flamoj formanĝis ankoraŭ unu teruregan veneninton de l' homaro: Ludovikon Zamenhof. La mezepoka inkvizicio bruligis homojn, la nuntempa — la homaron bruligas.

La koro de l' mondo nigriĝis de la densa fumo, leviĝinta el la fajro vandala. Funebru, kiu konscias, ploru, kiu sentas la teruregon de tiu barbareco. Ve al vi, venkintoj, kiuj per fajro volas neniigi Libron, per glavo — elŝprucigi la medolon el pensoriĉaj cerboj! Ne sukcesos via barbara agado. Kiel nigra forgesinda ombro ĝi forpasos, kaj la fruktoj de l' masakritaj cerboj tiom pli ekfloros, varmigante la koron de l' mondo, nutrante ĝian cerbon.

La plej bonan, kion la genio de l' mondo kreis, volis neniigi la Torquemadoj de l' dudeka jarcento. Taŭzu vin en doloro senfina vi, noblaj spiritoj de l' homaro, kiujn atingas tiu hioba sciigo! Ŝutu cindron sur viajn kapojn, liberamaj poetoj, bardoj de sociala justeco, noblaj scienculoj, forĝantaj tuthomarajn socialajn teoriojn! Rompu viajn plumojn, justamaj verkistoj, ĉar alie oni rompos viajn ostojn kaj bruligos viajn verkojn sur publika placo!

---

ĉiam, la mondon. Post mia reveno, antaŭ jaro, mi renkontis la vidvinon de mia iama leŭtenanto kaj infanaĝa ludkamarado. La postsignoj de suferplenaj jaroj, funebro pro edzo kaj bopatro, la ĉiutagaj zorgoj pri pano kaj infano forviŝis ŝian junecon kaj semis en ŝi malsanon por mortrikolto. Tiu ĉi malgranda knabo, *Dodo*, estis ŝia sola ĝojo kaj samtempe vivmuela zorgo. Ŝia konsolo estis mia rakontado pri la batalkampa heroa edzo. Tio ĉi ŝpinis la fadenon de tiu simpatio, kiu ligis al mi la amon de la knabo kaj la lastan esperon de la malfeliĉa virino. Antaŭ kelkaj semajnoj ŝi haltigis min sur la koridoro kaj malgaje ridetante demandis: »Andreo, mi vidas, ke vi amas mian fileton kaj ankaŭ li amas vin.« »Bonforma knabo li estas, kial do mi ne amu lin« — mi respondis. »Diru sincere al mi, Andreo, ĉu vi povus ami tian knabon, se vi havus tian?« »Pro Dio, kial ne, se li estus mia«, mi respondis. »Nu, mi donos lin al vi.« Mi ekridis pri la ŝerco, poste mi pensis, jen kio estas en la kapo de tiu ĉi virino; ĉu ŝi dezirus edziniĝi kun mi? Neeble. Mi estas ja fraŭlo, sed tamen simpla seruristo ne decas al sinjorina moŝto... Nu, hodiaŭ fine mi eksciis kiamaniere...

Andreo Celler emociite eksilentis, larmoj kuris en liajn okulojn, iom kruele tordadis, tiradis siajn lipharojn por subpremi ion, kio tremis en la gorĝo. Ni ĉiuj silentis kaj atentis la daŭrigon. Johano Kovač fine ĵetis frazon en la ĝena silento.

— Sankte vere, ke li estas bonforma knabo.

— Nur maldiketa — rimarkis Toboly.

— Oni devus grasigi lin kiel la paseridon — plektis plu Gere la parolon.

Andreo Celler kroĉis sin al la frazoj por regi sin.

— Ĉiam mi diris, ke Dodo estas bonforma knabo. Laŭvizaĝe li similas al la patro, laŭstrukture al la patrino. Estus pli bone, se ankaŭ korpe li aspektus tiel fortika kiel lia patro ... ĉar .... Nu, jes .... Hodiaŭ tagmeze oni vokis min al la telefono. Iu advokato aŭ notario sciigis min, ke mi petu tuj forpermeson kaj mi venu hejmen. Mi kuris kaj ... mia maljuna patrino atendis min ĉe la pordego. »Sinjorino Berec agonias« — ŝi diris. Kvazaŭ iu estus batinta per martelo en mian bruston, tian senton mi havis. »Kuru supren! Ŝi atendas vin.« .... Nu, kion mi detaligu? Ŝi metis la manon de sia fileto en mian manon kaj petegis: »Andreo, pro la amo de Dio, kompatu mian fileton, ne lasu for lin, la advokato aranĝos ĉion ĉe la la Oficejo de la Orfaj Aferoj ... al kiu mi donu lin, se ne al vi, kiu amas lin, kaj kiu amis ankaŭ lian patron? .... Andreo, je la nomo de Kristo, kompatu la orfon!« .... Nu, kion, diru sincere, kion oni povas respondi al mortanta patrino? Ŝi spasme premadis mian manon, rigardis al mi kiel al sanktulo rigardas pia malesperanto kaj ia nevidebla mano kunpremis mian koron. Nu diru, kion respondi? Mi eĉ ne povis. Nur perkape mi signis konsenton. Dodo premis sin al mi kaj terurite de la stertorado de sia patrino korŝire ploris, la kuracisto staris ĉe la tablo kaj pretigis la lastan kamforinjekton ... Kaj tiel stari ĉe la lito ankoraŭ horojn, aŭdi la adiaŭajn vekriojn de forironto kaj revidi epizodojn de pasinteco, kiuj vekas dankemon en ni, vekas nur korajn sentojn kaj vualigas la prudenton... Ne estis eble pripensadi, nek foriri. La agonianta virino ĝis lasta spiro tenis forte kune la manojn de mi kaj de sia filo... Kaj... kaj... nu, tiel okazis... tiel... kaj nun kion fari?

Dodo laŭte ekploris. La infanfunebro peziĝis sur nin. Toboly ŝanĝis sian lokon. Li eksidis apud la infano.

— Nu, Dodo ... nu, infano ... ne ploru ... ne timu ...

Mate Gere singulte glutadis sian retenatan emocion. Ni ĉiuj silentis. Fine Petro Galgo riskis demandon, kiu jam delonge formiĝis en ni ĉiuj.

Ebria estas la kaduka Eŭropo. Sangavido vekiĝis en la stertoranta maljunulo. Angoriga furio kaptis lin. Kiu havos la kuraĝon sendanĝerigi lin? Kiu havos la kuraĝon laŭte alvizaĝe ekkrii: VANDALO!

Ve al la generacio, kiu tiun humiligon travivas kaj ne havas forton kontraŭstari la barbarojn!

Parolas al mi amiko, impertinenta cinikulo:

— Vi esperantistoj estas ja esence kulturmovado. Eĉ pli: vi predikas reciprokan interkompreniĝadon, la evangelion de komuna lingvo. Kaj en kio pli bone manifestiĝas la lingvo, ol en la libro. Vi do efektive estas esence popolo de Libro.

— Kaj vi esperantistoj — daŭrigas la cinikulo — havis ja grandan Majstron. Kun kia fiero vi parolas pri li! Kaj tiu via Majstro estis — mi scias tion — unu el la plej lumaj spiritoj de l' mondo. Kaj li blovis en siajn verkojn amon, toleremon kaj interkompreniĝemon. Devas do la esperanto-libro esti vera lumturo, defenda remparo kontraŭ ĉiu provo de barbareco kaj maljusteco, ĉu ne? Kion do diras, kara amiko, la esperantaj gazetoj pri la aŭtodafeoj, sur kiuj pereas la verkoj de l' plej grandaj benoriĉaj homidoj?

Hontoruĝo kovras mian vizaĝon. Kion respondi al tiu impertinentulo?

— Ni estas neŭtralaj — mi pene balbutas kaj mi sentas, ke miaj vortoj malfacile traboras la gorĝon — en niaj interrilatoj ni ne tuŝas politikajn problemojn...

— Sed tio ne estas ja politiko! — rikanas la cinikulo — Bruligi librojn de Spinoza, Mann kaj Ludwig sur publika placo, en akompano de dekmilkapa jubilado, tio ne estas politiko! Tio estas vandaleco! Tio estas disfrakaso de homa genio, de la dieco mem!

Kaj hejme mi sentas, kiel la vortoj diritaj de tiu impertinenta cinikulo mordas mian animon. La esperantistoj, sciantaj fanfaroni pri la Festo de la Libro, ne scias aŭ evitas sub mantelo de falsa kaj hontiga neŭtraleco funebri, kiam la Libro pereas en flamoj, ili ne scias eĉ krii, protesti, rigardante tiun barbaraĵon. La nespertita doloro tremskuas min trae.

La esperantista popolo havas sian feston de la Libro.

Ĥa, ĥa, ĥa!

Komprenu min, karaj geamikoj: ĉi-tie ne parolas judo persekutata de inkviziciaj demonoj. Ĉi-tie ne elsputas el la pulmoj sian doloron judo, kies fratoj travivas la terurojn de l' vivo. Tion mi ne rajtas ja — ho ironio! — fari kiel bonedukita esperantisto. Pri politiko esperantistoj ne parolas. Sed ĉi tie parolas esperantisto, fiera disĉiplo de Majstro Zamenhof, adoranto de Libro, pretendanto al homeco; kaj mi ne ĉesos krii: La aŭtodafeo de la Libro estas sensenca kaj sensenta vandaleco! Ĝi estas profano al nia plej alta kredo — la kredo je la Libro! Ĝi estas humiligo al nia plej intima esenco, al niaj plej primitivaj rajtoj, al nia homeco!

Ni, verdstelanoj, grupiĝantaj ĉirkaŭ »Literatura Mondo«, forĝanta la junan literaturon de nia lingvo, ni eldiru nian akran proteston kontraŭ tiu barbara atenco al la Libro. En nia senhelpeco ni eldiru nian doloron. Ni montru nian konvinkon, ke efemeraj estas la flamoj de la Libro-inkvizicio, ke ĝi povas bruligi sole la foliojn kaj bindaĵojn, sed ne elŝiros el nia interno iliajn pensojn kaj instruojn. Ni manifestu, ke esperantista verkisto ne estas sklavo de nigra reakcio, sed pioniro de justa luma morgaŭo, ke ni predikas amon kaj fratecon, ke ni volas rompi la miljarajn barojn, kiuj dividas la popolojn!

---

— Celler, kial vi portis ĉi tien la infanon? Tio ne decas.

— Kial mi portis? Ĉu mi lasu lin hejme kaj tute sola? Mia patrino helpas al la homoj de la enteriga societo kaj ... kaj ... kamaradoj, mi estos sincera. Mi kondukis lin ĉi tien por montri al vi. Bataloj, komunaj suferoj firmigis nian amikecon kaj post forpaso de la danĝeraj tempoj ni konservis inter ni ioman solidarecon, almenaŭ homan kaj vi scias, ke mi estas fraŭlo ... vere, ankaŭ vi, sed tamen ... kamaradoj, amikoj, helpu al mi .. helpu por plenumo de mia promeso al la patrino, kies edzo estis nia tranĉekamarado ... Ne timu, mi ne postulos multon ... nur tiom, kiom vi ne sentos ofero ... Ne sufiĉas esti kristano nur laŭbuŝe ... Ĉu nia tablo-societo ne povus fari komune tiom, kiom povis fari la senhelpa virino ... Dodo estas bonkapa, bonforma ...

— Absurda ideo — rimarkis Petro Galgo.

— Ankoraŭ bone, ke vi ne deziras la edziĝon de iu el ni por havigi patrinon al la knabo — vortigis sian malkontentecon Johano Kovaĉ, poste iom honte aldonis — vere, la knabo estas bonforma, sed Dio mia kiom da bonformaj orfoj kuradas nudpiede sur la stratoj!

Subite el Mate Gere eksplodis la emocio.

— Sed Dodo ne kurados nudpiede, ĉar kial mi estas ŝuisto ... Unu paro da ŝuetoj ne bankrotigos min ... Nu, mi parolis.

— Ĉu vi donos paron da ŝuetoj? — demandis temperamente Kovaĉ.

— Ĉiujare mi donos eĉ du parojn ... Nu! Ĉu ne plaĉas al vi?

— Ne instruu min pri donacaj gestoj ... Se vi donos du parojn da ŝuoj, ankaŭ mi povos doni al li vestojn ...

— Jes, jes, vi povus ...

— Ne povus, sed mi donos kaj finite — kaj Kovaĉ energie turnis sin al la knabo — Dodo, memoru, ke ĉiujare vi postulu de mi veston ... veston kaj ne ploru, mi ne ŝatas la ploremajn knabaĉojn ... Kio estas du paroj da ŝuetoj?! Vi havos tiajn vestojn kiel ĉiu sinjora knabo.

— Sed amikoj, ne disputu ... — Celler kvietigis la du temperamentajn kamaradojn — Mi akceptis la taskojn de la prizorgado kaj mi klopodos plenumi ilin. Nur ioman helpon mi petis en komenco.

Toboly, la graseta spicvendisto, amikiĝadis kun la knabo.

— Dodo, aŭskultu ... Dodo, mi havas proksime butikon ... Ĉiutage vi povos viziti min kaj poste, kiu scias, vi povos eĉ helpi min ... Ĉu vi scias, en mia butiko estas la plej bona kaj plej freŝa terpomsukero? ... Ĉu vi ŝatas la terpomsukeron?

— Estas bone, ke la knabo ne estas donita al via prizorgado. Certe li suferus pro konstanta ventrodoloro... Terpomsukero! Sed kion oni atendu de spicvendisto? Kial vi ne proponas pipron kaj paprikon al la infano? — kaj Kovaĉ indignite stimulis sin ĝis plena konsterniĝo.

Dum la amikoj vete konsternadis la zorgplena mieno de Celler sereniĝis. Min kortuŝis la iom komika entuziasmo de la simplaj homoj kaj mi havis grandan kompaton al Dodo. Poste dum monatoj tentis min la penso priskribi la naive romantikan ekflamiĝon de miaj batalkampaj konatoj, kies koron onidire hardis la propraj suferoj kaj tiuj faris ilin fortaj kontraŭ sentimentoj, troveblaj nur en romanoj.

*

Pasis jaroj. Iun tagon antaŭ semajnoj mi sidis en la aŭtobuso. Kontraŭ mi grasa, duonkalva viro viŝis per poŝtuko sian frunton, poste trumpete purigis la nazon, sed kiam lia rigardo trafis mian vizaĝon, li enpoŝigis la tukon kaj afable etendis al mi sian manon.

— Kiel malofta renkonto! Ĉu vi memoras pri mi?

Iom tro longe zigzagis mia memorpovo por kaŝi la forgeson. Embarasite mi ridetis.

— Kovač mi estas, Kovač el la militkaptitejo *Buguruslan*, la delogintо de la tatarina butera flano...

— Pardonu, apenaŭ mi povis rekoni vin. Vi iom dikiĝis.

— Vi estas same maldika kiel antaŭ jaroj. Kien?

— Al *Buda*... Vere, sinjoro Kovač, vi aspektas kiel kapitalisto.

— Nu, kapitalisto mi ne estas, sed mi ne plendas. Mi havas bone prosperantan tajlorejon en la kvartalo Lipót. Mi estas kompaniano.

— Ĉu hejmen?

— Ne, mi havas rendevuon kun mia filo. — Lia mieno subite esprimis patran fieron. — Baldaŭ li finos la studadon en la realgimnazio. Saĝa knabo, eminenta kapo.

— Kompreneble vi estas fiera pri li. Ĉiu patro povas kompreni vin.

— Bedaŭrinde estas inter ni kelkfoje disputado.

— Nu, jes. Patro kaj filo neniam harmonias en ĉio.

Iom mirigite li rigardis min, poste li daŭrigis:

— Ne temas pri disputado inter filo kaj patro, sed pri tio inter patroj. Miaj kunpatroj ofte ĉagrenas min.

— Ĉu viaj kunpatroj? Pardonu, mi ne komprenas vin.

— Kiel? Ĉu vi ne memoras pri Dodo?

— Dodo?!

— Nu, jes, pri Dodo. Mi tiel memoras, ke tiun vesperon, kiam ni akceptis la patrecon, ankaŭ vi ĉeestis.

Verdire, nur en tiu ĉi momento revigliĝis mia memorpovo.

— Ho, mi jam scias, temas pri tiu knabeto — kriis mi sincere mirigite.

— Jes, pri Dodo. Nun estos patra konferenco pri la estonteco de nia knabo. Geller, kiu estas lia laŭleĝa prizorganto, volas, ke li fariĝu elektroteknika inĝeniero. Sed li ne havas decidrajton, ĉar Dodo apartenas al ni kvar. De komenco ĝis nun ni komune zorgis pri Dodo. Tiu stomakmalsanulo, tiu Gere, la ŝuisto deziras fari lin kuracisto. Toboly, kiel komercisto, elokventas pri la Komerca Orienta Akademio. Cetere li havas ne multe da rajtoj, ĉar antaŭ kvin jaroj li preparis konspiron.

— Ĉu? Nu, mi ne pensis, ke li estas komunisto.

— Kiu?

— Nu, sinjoro Toboly.

— Mi ne diris, ke li estas komunisto. Eĉ male. Li pligrandigis sian butikon kaj edziĝis.

— Jes, jes, sed vi diris, ke li konspiraciis. Kontraŭ kio aŭ kiu?

— Kontraŭ ni kaj Dodo. Jes. Ĝuste per tiu edziĝo. Mi povas diri, ke estis akra longa batalo. Simple kiel sola edziĝinto el ni li volis alproprigi nian filon argumentante, ke Dodo bezonas patrinon. Ĉu tio ne estas vera konspiro?

— Vere, vere — kaj mi subpremis la tiklan rideton.

— Feliĉe ni tenis la okulojn malfermitaj. Kvankam Dodo nun loĝas ĉe li, tamen li ne havas pli da rajtoj al li ol antaŭe. Feliĉe en la proksima jaro Dodo estos mia gasto, kiel en la antaŭa jaro li loĝis en la hejmo de Gere. Tute sincere, mi tre dezirus, se Dodo fariĝus bonŝanca filmaktoro. Certe li havas talenton por tiu arto. Vi ne povas imagi kiel eleganta li aspektas. Kompreneble, mi ne estas ja lastranga tajloro.

— Sed finfine kiel vi decidos pri lia sorto.

— Ni ne decidos. Li mem decidos. Li estas ja inteligenta knabaĉo. Liaj profesoroj tre entuziasme parolas pri li.

En tiu ĉi momento haltis la aŭtobuso. Kovač adiaŭis.

— Mi havis la honoron. Volonte mi invitus vin por montri al vi nian Dodo. — Li forlasis la aŭtobuson kaj de ekstere aldonis — Ĉiudimanĉe ni kune tagmanĝas en la restoracio de Kesely kontraŭ la Nacia Teatro ... Ĝis revido!

— Saluton kaj gratulon al viaj *kunpatroj* — mi rekriis dum la aŭtobuso portis min for.

De tiam Dodo kaj liaj kvar patroj ofte incitas mian fantazion. La egalrajtaj kvar patroj, kiujn la viriĝanta Dodo prave povas nomi: paĉjo Johano, paĉjo Stefano, paĉjo Mate kaj paĉjo Andreo. Jen la romantikismo de la Vivo. La broskora skeptikulo povas citrondolĉe priridi tiujn naivajn homojn, kiuj vivas en sia sonĝomondo kaj forgesas pri la realeco de la Vivo: pri la eventuala trompiĝo. Mi deziras, ke la sorto estu pli indulga ol la neantoj de ĉio bela kaj nobla en la vivo.

---



# OBSERVO

(X.) HANS KÜNKEL: ANNA LEUN. Ĝis nun Hans Künkel verkis filozofajn verkojn. Foje, iun someron li pasigis inter la Brandenburgaj komparanoj. Tie elsekiĝintaj, maljunaj kampuloj kaj sulkvizaĝaj, kurbdorsaj maljunulinetoj fabelis pri mirakla vivo, pri la legenda sorto de Anna Leun, kiu fariĝis el servutulino bienposedantino, de nobela, granda kavalira bieno. Sed kiu restis ankaŭ en la kastelo — laboranta kampulino. La romano, ĉerpita el la vivo, rikoltis meritítan grandan sukceson. Kaj estas ĉefe interese, ke ĝi rakontas la biografion ne de konata historia persono, sed de servutulino, naskiĝinta en servuta sorto. La ĉefa forto de la romano estas la psikologio de l' »Subordit eco«, en kiu vivis la servutuloj kaj servutulinoj kaj la figuro de la ribelema Anna Leun, kiu anime tamen ne povas liberiĝi. Interesa estas ankaŭ la konsci-psikozo de tiu naskiĝa fierego, kiu pereigas la strangul-baronon, kaj la freneziĝintan baroninon. Kvankam la romano okazas sur la nobela bieno de *Hohenjezar*, ĝi pentras tamen resuman, pulsantan bildon pri la tuta epoko.

La duonorfa Anna Leun naskiĝis en mizera argilkabano kaj anstataŭ la malsana patrino dufoje dum semajno ŝi faris servutlaboron en la kastelo de l' barono. Rekompence la kavalira bieno donis grenon, kiam en la jaro de la granda sekeco nenio kreskis sur la tero de l' kampuloj. Anna enterigis la patrinon, kiam la kompatinda servutulino ne plu eltenis la teran mizeron. La dekses-jara Anna nun fariĝis la orfo de l' bieno. La bienestro devis plu aranĝi ŝian sorton, ĉar la servutuloj, ligitaj al la bieno, ne disponis pri si kaj ne rajtis forlasi la nobelbienon. La servuteco edukas duspecan animon: la malfortulo malkuraĝe humiliĝas, la fortulo kaj plivalorulo fariĝas nepre ribelanto. Anna estis pli granda, pli forta kaj pli bela, ol ŝiaj ceteraj servutulin-kunuloj. En la vilaĝo ŝi parolis nur kun *Petro Trenck*, la filo de l' ĉasisto. La ĉasisto estis liberservisto. Anna kaj Petro amis unu la alian de sia infanaĝo, krome por Anna signifis Petro ankaŭ la liberon, ĉar se Petro ŝin leĝe edzinigas, ankaŭ ŝi leviĝas en la rangon de l' liberaj homoj. Ĉi tio eble eĉ okazus, se la stranga ludo de l' sorto ne komplikus la aferojn. La barono decidis, ke li faros inspektoron el la juna, prudenta kaj forta Petro Trenck. Antaŭ Petro ekfulmis eblo de nova vivo. Por la inspektoro ne decas servutulino, li devas edzinigi almenaŭ la filinon de l' ĉefpaŝtisto. Kiam la barono demandas, ĉu li donu Anna'n en ilian domon: Petro arde protestas. La barono ordonas do Annan en la farmon de grandkampulo *Kunert*. *Kunert* estis la plej kruda, la plej bruta homo en la vilaĝo. Anna falis en beste malbonan sorton. Sed ŝi ne rompiĝis. Ŝi fariĝis ĉiam pli bela kaj spitema. Per sia fierega okulekfulmo ŝi ensorĉis la virojn. Iom post iom ŝi ekhavis la famon de sorĉistino; jam eĉ la malica Kunert ne kuraĝis ŝin bati. La servutulfraŭloj interluktis pro ŝi. Ankaŭ *Martini*, la subinspektoro, enamiĝis al ŝi. Petro Trenck ellernis la inspektorecon, sed ne edzinigis la filinon de la ĉefpaŝtisto. Li atentis kun arda jaluzo Annan, kiu malŝatege traktis la virojn, sed kun la plej malama kolero traktis Petron Trenck, kiun ŝi ne povis pardoni, ĉar li ne faris ŝin sia libera edzino. Iun tagon *Martini* kaj *Trenck* renkontiĝis en la arbaro kun pafilo en la mano. Petro *Trenck* poste diris, ke *Martini* volis

lin mortpafi, pro tio li murdis *Martini'n*. Ĉar la murdo okazis sen atestantoj, la urbaj juĝistoj absolvis Petron *Trenck*. Sed sur la bieno de *Hohenjezar* ĉiu flustradis, ke Petro Trenck murdis *Martini'n* pro Anna. La atento de la barono nun turniĝis al Anna la unuan fojon. Por fari finon al la ĉiam revenantaj skandalaj interluktoj: la barono decidis, ke Anna ne plu venu en la kastelon, sed ŝi loĝu ĉe la maljuna porkopaŝtisto, kaj al ili ŝi helpadu. Petro Trenck fariĝis subinspektoro, sed ĉiun sian liberan tempon li pasigis ĉe Anna. Nur al Anna li konfesis, ke pro ĵaluzo li murdis Martinin. — Dum iu tempesta, pluva vesperkrepusko li svatis Anna'n. Sed antaŭ ol Anna estus povinta respondi, el la nubelo subite aperis giganto galopanta sur ega, nigra ĉevalo. La barono, kiu dum sia soleca rajdo haltis antaŭ la domo de la porkpaŝtisto, nun rigardis Anna'n la unuan fojon. La beleco de Anna ankaŭ lin kore trafis. Li ordonis al Anna, iri en la kastelon kiel ĉambristino. La barono, kvazaŭ fantomrajdanto, malaperis en la pluveta nebulo.

— Ne iru al la kastelo, Anna — petegis Petro. Sed nun antaŭ Anna ekfulmis la eblo de la brila estonto. Kaj fine jen estis ankaŭ la de longe atendita, sopirita okazo, por repagi al Petro la humiligon kaj amaran doloron, kiun ŝi sentis, kiam Petro lin perfidis. Anna fariĝis ĉambristino en la kastelo, sed anstataŭ ŝia baronina moŝto ŝi servis lian baronan moŝton. La baronino loĝis en aparta parto de la kastelo. Ŝi ne parolis kun la barono de 30 jaroj. Antaŭ nasko ŝi estis tiam, kaj surprizis la baronon dum diboĉa orgio. Pro la granda ekscitiĝo ŝi naskis mortintan infanon. De tiam la baronon ŝi ne rigardis sia edzo, sed murdinto de ŝia filo. La barono sentis sian neripareblan kulpon, li fariĝis stranga kaj solema homo. Li nun vivis kun Anna en pagana amrilato. Anna ĵurigis la baronon, ke li prizorgos la naskiĝontan infanon. Sin tute katenis la potenca kaj timiga barono. Ili dum horoj rajdis la neĝajn kampojn. Anna sidis post la barono en la larĝa selo. La kampulinoj krucosignis, kiam la granda nigra ĉevalo tragalopis la vilaĝon. Anna vivis en stranga sorĉo; ŝi pensis pri sia naskiĝonta infano, kiam fantomaj paŝoj susuris en ŝia ĉambro. La baronino staris antaŭ ŝi kvazaŭ sorĉistino levanta bastonon:

— Mi ne permesas ke vi nasku vian infanon — ŝi moke kriaĉis. — Antaŭ vi jam multaj servis la malican plezuron de l' barono, sed al neniu mi permesis, ke ŝi nasku infanon. La lokon de mia mortinta filo ne povas okupi bastarda servutulido. Ĉiujn amatinojn de la barono mi ordonis en la lagon kaj ankaŭ via loko estas tie. Mi estas la Hohenjezara baronino. Kaj vi, servutulinoj, ĉiuj devas min obei. Forportu vin el mia domo! En la lagon ... Tie estas via loko inter la aliaj ...

— Mi ne iros en la lagon. Mi defendos mian infanon, — ribelis kontraŭ la baronino Anna.

La maljunulino pale rigardis al Anna:

— Ĝis nun ĉiuj servutulinoj obeis min. Vi estas la unua kiu kuraĝas rezisti, he, sorĉistino. Kvankam vi tre bone scias, ke ambaŭ ni ne povas plu vivi en la kastelo; unu el ni devas iri en la lagon!

— Do via baronina moŝto iru en la lagon! — kriis Anna.

La baronino levis la bastonon kontraŭ Anna, sed ŝia tremanta mano falis. Ŝi senpove eltrenis sin el la ĉambro. Anna duonfreneze kuris al la barono:

— Via barona moŝto, ĉu vere, ke antaŭ mi jam estis ĉi tie servutulinoj, kiuj devis iri en la lagon kaj ĉu via barona moŝto permesis ĉi tion?

La barono terure ekkoleris:

— Kiel vi kuraĝas min demandi, he, servistino, kiun mi elprenis el la porkejo! Reportu vin al via vera loko, inter la porkojn!

— Mi ne havas infanojn, miaj infanoj ne naskiĝis — hurlis la barono. — La genton de la Hohenjezaraj baronoj ne povas daŭrigi kampula bastardo.

— Mi tamen naskos la filon de via barona moŝto, — diris mallaŭte Anna.

Anna eliris el la kastelo. Ĉirkaŭ vespero disvastiĝis en la vilaĝo, ke la baronino fruposttagmeze sin mortigis en la lago. Ĉiu en la vilaĝo kulpigis nur Anna'n. Neniu volis kun ŝi paroli. Ŝi vivis sovaĝiĝinte inter la porkoj. La barono aranĝis grandajn orgiojn en la kastelo kaj duonebrie galopis tra la vilaĝo sur sia nigra ĉevalo. Foje li falis de sur la ĉevalo kaj mortis. Dum la funebra ceremonio en la preĝejo naskis antaŭtempe sian infanon Anna Leun. Laŭ la testamento de la barono la kavaliran bienon heredis Anna Leun kaj Petro Trenck, kun la kondiĉo, ke ili geedziĝas kaj Petro Trenck leĝigas la infanon. Ili devos transdoni siatempe la bienon al la eksterleĝa infano de Anna Leun. Petro kaj Anna, kiuj foje amis unu la alian, nun estis devigataj geedziĝi. Petro ne volis edziniĝi Anna, sed je la peto de la tuta vilaĝo li tamen cedis, ĉar alimaniere la bienon heredus la ŝtato, kaj eble ili ricevos senindulgan, malbonan bienestron. Tamen li ne rigardis Anna'n sia edzino, kiel li ne povis rigardi sin la sinjoro de l' bieno. Li ja devos transdoni la bienon al la filo de la mortinta barono. Petro malamis la malsanan, anemian infanon, kiu vivis malĝojan ombrovivon. Iom post iom ankaŭ Anna malvarmiĝis al la infano, kiam ŝi ĉiam pli kaj pli resopiris al Petro. Ŝi vidis en la infano sian ekvivintan pekon. En sia naŭa jaro la neglektita, malforta knabeto mortis. Anna kaj Petro sentis, ke nun ili jam povus komenci unu kun la alia novan vivon, nun jam ilia estas la bieno. Kaj ili povos ĝin heredigi al siaj propraj venontaj infanoj. Iun lunluman nokton Petro iris al Anna. Tra la fenestro ili rigardis la lagon. Anna ekkrietis. Blankaj fantomombroj venis al ili el la lago. La barono, la baronino, la knabeto, Martini.

— La mortintoj! — ekkriis Anna, montris al la nebulŝirajoj ŝvebantaj super la lago kaj svenis. Kiam ŝi resaniĝis el sia nervofebro, Petro jam ne estis en la kastelo, li aliĝis al la armeo kontraŭ Napoleono. Post unu jaro li mortis en la Laona batalo.

Anna vivis sola en la bieno. Kruda, avara, silentema kampulino ŝi restis en la kastelo de Hohenjezar. Ŝi mortis en sia sepdekdua jaro en 1849. Sed ĝis la morto ŝi portis la inkubon de sia tragika pasinto kaj memoroj.

(X.) SCHALOM ASCH: WARSZAWA. Tiu ĉi romano efikas profunda, monumenta gravuraĵo, kun malluma tono. En la giganta perspektivo de l' desegnaĵo malvolviĝas por ni la malespera batalo de l' socialismo kontraŭ la kapitalo. Strangan, novan guston donas al tiu ĉi bildo, al tiu ĉi batalo la cirkonstanco, ke ĉiuj roluloj estas judoj. La vivo, animo, cerbo de la Warszawa'j malriĉaj judoj sin prezentas konsterne akre. Terure mizera estas tiu ĉi vivo, komplikita tiu ĉi animo, kaj la pensojn, tordiĝantajn en la volvaĵoj de l' cerbo, la menso, kiu akriĝis per talmudklarigoj, direktas senĉese al la dezerta demando »kial?« Ĉu ekzistas celo? Kiel eble atingi la celon? — ili diskutas; en tiuj ĉi diskutadoj mueliĝas la homoj kies sorton dume sigelas la fora, ekstera okazaĵo: la eksplodo de l' mondmilito. Neforgeseblaj figuroj estas ĉiuj: *Hurvic*, la sinjoro instruisto enamiĝinta al la scienco, *Rakhel-Lea*, lia edzino, tiu ĉi boneca, fortanima virino; *Helena*, la rompiĝema, varmkora eta instruistino; *Mirkin*, la iam riĉa, konfuzanima bankierfilo, kiu kuras post la justo, kaj la ceteraj eminente desegnitaj epizodfiguroj, tra kiuj ni proksimiĝas al la kompreno: kio fanatikigas la individuon kaj tra ĝi la amason; ni vidas la senpovan batalon, doloran malvenkon kaj ekiron al nova batalo de la mizera homamaso, kiun puŝas antaŭen la forto de l' idealo.

(X.) GEORGES DUHAMEL: »LE NOTAIRE DU HAVRE«. La aŭtoro de la *Salavin*-ciklo nun komencis novan romanserion. Ĉi tiu estos romanciklo simila al aŭtobiografio, kies unua volumo nun aperis. Ĝia temo, kiel ĝenerale la temo de la unua volumo de l' aŭtobiografiaj romanoj: estas la priskribo de la infanaĝo kaj familio. Ĉi tio ne estas nova problemo, sed la maniero, kiel Duhamel prenis ĉi tiun materialon kaj tio kion li figuris el ĝi, estas surprize akra kaj tute sugesta. Se ni volas klarigi per komparo: Duhamel transiris en tiu ĉi sia libro

la naturalistan fotografadon kaj ekuzis modernan fotografan metodon. Ekzistas novaj fotografaĵoj, kiuj prezentas nuran butonon, aŭ manon, tute proksime fotografitan, tute akre, tiel ke la butono aŭ la mano ŝajnas sur la bildo aparta stranga monstro. Jen kiel prezentas Duhamel la vivon de etburĝa familio, la opajn membrojn de la familio, la karakterizajn ecojn de la familianoj. Tute proksime, tute grandigite, tute materiale, aŭ se plaĉas, tute infanmaniere, ĉar por la infano estas stranga eĉ la plej simpla afero kaj la infano vidas ĉion forte grandigita. Jene fariĝas el la galerio de regulaj membroj de regula familio aparte monstra kaj monumenta strangajkolekto. Tiu ĉi metodo de Duhamel estas tute frapanta kaj rezultigas, ke la figuroj de la libro tuj post lego fariĝas travivaĵoj — kaj eĉ infanaĝaj travivaĵoj. Unuaranga kolekto de la optikaj kaj fizikaj trompiĝoj estas tiu ĉi libro kaj dum la lego multfoje ni sentas nin *Gulliver* inter la gigantoj, por kiu la etaj verukoj de la plej bela giganto ŝajnis grandegaj ranoj. Ĉi tiu komparo ja ne estas tute trafa, ĉar la bildo, kiun Duhamel prezentas, neniel estas sengusta kaj malagrabla, nur tre imaĝiga. Ne estas hazardo, ke en la aŭtobiografio Duhamel sin prezentas kiel biologon. Li ŝatas la eksperimentadon. Lian eksperimentan, priskriban metodon kompletigas la baza situacio de la tuta volumo, kio estas ankaŭ, por tiel diri, eksperimenta situacio. La familio, vivanta inter tre malbonaj cirkonstancoj, atendas pri la heredaĵo gravan sciigon de la notario de Havre. Tiu ĉi atendo donas la tutan atmosferon de la vivo de l' familio, tio ĉi plenigas la animon de ĉiu familiano. Jen tiu aparta streĉita stato, tra kiu Duhamel prezentas siajn homojn.

(X.) JAMES JOYCE. Ni ekuzas la okazon, ke la internacia *Odyssey-Press* eldonis en du volumoj la plej multe pridiskutitan, la plej multe riproĉitan kaj plej multe laŭditan romanon *Ulysses*, por rakonti tiun strangan anekdoton, kiu koncernas la eldonon de lia unua novellibro *Dubliner's*.

Okazis do, ke *Joyce*, kiu vivis en granda mizero kaj duone blindiĝinte en Parizo, decidis ke li eldonos sian novelvolumon. Post longa serĉado fine li trovis eldoniston, kiu emis eldoni la verkon de la sufiĉe nekonata aŭtoro. Ili faris la kontrakton, Joyce sendis la manuskripton en la definitiva formo kaj atendis la presprovaĵojn. Anstataŭ la presprovaĵoj li ricevis leteron. La eldonisto skribis, tre ĝentile kaj amike. La noveloj estas sensaciaj, li atendas per ili grandan sukceson — sed: en iu novelo la aŭtoro dirigas per iu pri reĝino *Viktoria*, iama idolo de ĉiuj angloj, ke ŝi havis amrilaton kun lakeo.

Li, la eldonisto, neniel povas kontroli, ĉu tio vere okazis aŭ ne, — sed la kompostistoj, la liberaj britaj kompostistoj, ne emas komposti ĉi tiun frazon. Li do petas Joyce, ke li preteru ĉi tiun frazon, kiu ja tute ne estas esenca parto de lia verko.

Joyce kolere kaj decide respondis, ke li ne permesas ŝanĝi eĉ unu literon en lia manuskripto, li postulas rigide plenumi la kontrakton, en kiu ne temas pri tio ĉi; kaj serĉu la eldonisto aliajn kompostistojn, se ĉi tiuj estas tiel prudaj.

La eldonisto, eĉ nun ĝentile, respondis, ke, bedaŭrinde, la kompostistoj, eĉ post ĉi tio, ne emas komposti la ĝenan parton, kiu profunde ofendas ilian lojalan animon. Li ne povas helpi pri la afero.

Nun jam Joyce perdis la paciencon, li sidiĝis kaj skribis leteron — al la angla reĝo. Li petis lian reĝan moŝton: ke li ordonu al tiuj ĉi neobeemaj kompostistoj la plenumon de la laboro, — ja en Anglujo estas plena preslibero kaj estas tute netolereble, ke ili arogas al si cenzuri la artan laboron.

Tiom estus povinta okazi kie ajn. Sed tio, kio nun sekvos, estas vere kaj ekskluzive angla: Lia Reĝa Moŝto, Georgo, la reĝo de Granda Britujo, imperiestro de Hindujo, ktp, ktp. — respondas.

Lia respondo estas ĝentila kaj sincera. Li, siaparte, tute ne dubas ke Joyce havas rajton skribi tion kaj tion, — kvankam, kompreneble, li ne entuziasmas pri aserto, kiu estas taŭga prezenti en malfavora lumo iun membron de lia familio. Tamen, preterante ĉi tion, li volonte estus je la dispono de l' verkisto, — sed li ne havas leĝan rajton por tio, ke li ordonu al la kompostist-ĝentilhomoj la komposton aŭ nekomposton de io ajn. Li do tre bedaŭras, sed nenion povas helpi en la afero.

Joyce furiozas. Sed nenion li povas fari. Li atendas. Kaj prefere plu malsatas.

Kaj post tri semajnoj li ricevas novan leteron el la *Buckingham*-palaco. La domestro de la angla reĝo sciigas lin, ke Lia Reĝa Moŝto fiksis por jaro tiom kaj tiom da favorpensio, — ĉar li ne volas, ke pro iu membro de lia familio havu domaĝon iu ajn inter siaj subuloj!

Ho, feliĉa Britujo!

(X.) LA MODERNIGITA DICKENS. Robert *Graves*, entreprenema angla verkisto sin dediĉis por stranga manipulo. Li traverkis la klasikan ĉefverkon David Copperfield. Li opiniis, ke la lingvo kaj stilo de la libro ne estas sufiĉe moderna kaj pro tio li traverkis la tutan libron. La plejparto de la roluloj parolas en moderna Londona slango, la longaj priskriboj estas ellasitaj. La kritikistoj unuanime konstatas, ke la originala Dickens estas multe pli bona kaj moderna, ol tiu ĉi stranga traverkaĵo.

## REDAKCIA POŜTO

*Kurzens:* Viaj tradukoj, el kiuj ni publikigas tri samnumere, estas tre bonaj kaj montras traduk-kapablon, kiu, se vi pli vaste vin dediĉos al la interpreto de poezio, vin certe levos inter niajn plej bonajn poemtradukistojn (ili ne estas tro multaj). Sincerajn gratulojn kaj korajn salutojn.

Manuskriptoj baldaŭ publikigotaj: *El la ĉifonujo. Subkarpataj rakontoj. La kverelo. Nordkabo: Marionetludoj en Japanujo.*

*El la vivo de Schubert:* Ni publikigos ĝin, sed bonvolu permesi kelkajn ŝanĝojn en la kantotekstoj. Se vi deziras, ni antaŭe informos vin pri ili.

*S-ano Omelka.* Vi havas la permeson por la traduko. Bnv. sendi du ekzemplerojn de la gazeto, en kiu ĝi aperas.

*Central Kuomintang, Nanking.* Infero ne aperis. Menditan libron ni jam sendis al vi, sed via abono daŭras nur ĝis fino de 1933. Ĉar la januaran numeron ni jam sendis al vi ekster via abono.

*Al ĉiuj abonantoj.* Ekde la februaro-marta numero ni ekspedas la gazeton anstataŭ en tuboj, per simpla banderolo. Ĉar ni ricevis ĝis nun nur unu plendon pri la difekta alveno de la gazeto ni pensas, ke ĝi alvenas sendifekte. Tamen, ni petas informi nin, se vi ne estas kontentaj pri la ekspedmaniero, por ke ni povu zorgi pri sendifekta alveno. Se iu ne plendas, ni konsideras, ke li (ŝi) ricevadas la gazeton sen ia difekto kaj estas kontenta ankaŭ pri la nuna, pli simpla kaj pli malkara ekspedo.

### Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Descendi:* malsupreniĝi; *dura:* malmola; *hasti:* urĝiĝi, trorapidi; *masakri:* amasbuĉi; *nervoza:* nerve maltrankvila; *sinki:* fali milde kvazaŭ retenate; *sturmi:* kurataki; *volontoro:* soldato, studinto de mezlernejo, havanta la avantaĝon servi nur dum unu jaro.

*Arpád Serényi*, foto, Zalaegerszeg, Hungarujo deziras korespondadi kun filatelisto, skolto. Deziras ricevi panoramkartojn, pm. sur bildflanko.

## Grava sukceso de Esperanto ĉe la hungara poŝto!

La hungara poŝto sur la laste eldonitaj ilustritaj poŝtaj kartoj, kiujn oni uzas por la eksterlanda korespondado, aplikis apud la hungara kaj franca, ankaŭ

*Esperantajn tekstojn*

La kartoj en la valoro de sv. fr. 0.16 aperis kun 15 diversaj ilustraĵoj, kaj estas bonege uzeblaj kiel propagandiloj. Por ĉiu deziranto ni volonte sendas po du ekzempleroj por unu respondkupono.

Aĉetante eventuale pli grandan kvanton el ili, uzu niajn poŝtĉekkontojn, troviĝantajn en la dua numero de la Bibliografia Gazeto kaj sendu por ĉiu karto egalvaloron de 0.17 svisaj frankoj, donante unu centimon por niaj elspezoj.

Literatura Mondo, Eldonejo.

## Pagantoj al ni

bonvolu atenti, ke nian germanan poŝtĉekkonton de post nun rajtas uzi nur niaj germanaj klientoj. Ĉiuj aliaj uzu afable la polan poŝtĉekkonton kaj ĝiajn numerojn.

## Restis por ni

el iuj numeroj de la gazeto tre multaj ekzempleroj. Ilin ni volonte dissendas varbcele al niaj abonantoj kiuj sendas por la ekspedkostoj egalvaloron de 0.20 svisaj frankoj por unu ekzemplero. La pagon ni akceptas per niaj ĉekenpagiloj, per respondkartoj aŭ poŝtaj respondkuponoj (por unu kupono du numerojn) aŭ UEA kuponoj en nomvaloro. Ĉe mendo de minimume 10 ekzempleroj sendu 20% malpli.



## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704.
**Aŭstralio:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, *Melbourne* 185 Exhibition Street.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka. *Hradec-Kralové*. Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**Estonio:** Helmi Dresen. *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sèvres Poŝtkonto: Librairie Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**Germanujo:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92. Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11. La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.
**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata 11.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen C.* Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel
**Aliaj landoj** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al Pocztowa Kasa Oszczedności, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo.

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős: